Jaro 19-a | majo-junio-julio 1967 | N-ro 4



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I.F.E.F.**

LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

Sekretario: J. POPTIE, Poŝtfako 2204, Utrecht, Nederlando
Redaktoro: E. BURGLER, Sportstraat 62, Amsterdam-Zuid
Konto: Algemene Bank Nederland, Amsterdam, no 54.0569801

## Reloj ligas la landojn - Esperanto la fervojistojn




*Fervojistoj el 14 landoj kunportis siajn uniformojn*

# Raporto pri la laborkunsido




En sia malferma parolo la prezidanto memorigis ke por la unua fojo en la historio de IFEF, ĝia kongreso okazas sub aŭspicio de FISIAIC, la Internacia Federacio de Fervojistaj Asocioj Artaj kaj Kulturaj, kies ĝenerala prezidanto, D-ro Emil Schlesser, kun granda interesiĝo observas nian laboron. En la malferma kunveno li alparolis la partopenantojn en Esperanto.
La prezidanto menciis pri la belegaj ekskursoj al Rothenburg kaj Uffenheim kaj pri aliaj distroj, certigante tamen ke la kongreso ne nur dancis kaj ekskursis, sed efektive laboris, pli streĉe ol iam ajn. Krom la malferma kunveno, lingvaj ekzamenoj, vizitoj al oficialaj instancoj, stratnomigoj kaj kunvenoj de terminara kaj fakprelega komisionoj, okazis 4 kunsidoj de Komitato kaj Estraro.
Kiel ĉefajn punktojn, fintraktitajn en tiuj kunsidoj, li nomas:

Instalo de novaj komitatanoj,
Elekto de nova ĉefkomitatano
(k-go Greutert)
Elekto de komitatano A por UEA
(k-go d-ro Bácskai)
Pritrakto de la agado de la IFEF-estraro,
Laborplano por 1967.

La antaŭvidita preparo por venontjara estrarelekto malmulte efikis. Kelkaj sugestoj tamen estas faritaj, kaj la pritrakto klare montris la neceson serioze labori pri tiu afero en la postkongresa periodo.
Bedaŭrinde ankaŭ en la pasinta jaro ni perdis fidelajn amikojn pro morto. Menciinte la nomojn de niaj mortintoj, la prezidanto petis la kunvenon ekstari honore al karaj amikoj.
La sekretario raportas ke envenis salutleteroj kaj telegramoj de nia 90-jara veterano Hugo Steiner, Nawrovski, D-ro Bácskai, Jan Lok, Fervojista Esperanto Rondo en Delitsch, Fervojista Fakgrupo en Kecskemét, Hispana Esp. Fervojista Asocio, Fervojista Esperanto Societo en Plovdiv, Esperanto Asocio de Finnlando, kaj de la Libera Esperanto Asocio por Germanlingvio.

**Kongresraporto de la 18-a kongreso.**

Post rimarkigoj de la komitatanoj Lemonnier kaj Narvalla tiu raporto estas akceptita.

**Jarraporto 1966.**

Kolego Giessner demandas kial la nomo de la presejo ne troviĝas sub la nove-presita Statuto/Regularo. La redaktorino respondas ke ŝi forstrekis la nomon por eviti riproĉon ke la estraro reklamas por nederlanda presejo.
K-go Gimelli plendas ke en Budapest li ne ricevis inviton por ĉeesti la kunsidon de IFEF-komitatanoj kaj -estraranoj en kiu oni esploris kotizajn aferojn kaj la kandidatigon de komitatano A por UEA.
La prezidanto certigas ke ankaŭ li miris ke Gimelli mankas en tiu kunveno. Li kredis ke Gimelli estas informita. Tutcerte temas pri miskompreno, kiun ankaŭ li bedaŭras. Post tiu negrava diskuto la komitato akceptas la jarraporton.

**Budĝeto 1968**

jam akceptiĝis en la kunsido Estraro-Komitato.

**Komuna agado kun radio-amatoroj fervojistaj.**

La prezidanto invitas k-gon Giessner enkonduki ĉi tiun punkton. Tiu klarigas ke post konatiĝo de la gvidanto de Germana Unuiĝo de Radio Amatoroj li decidis rekomendi tiun punkton por diskuto en la kongreso, ĉar ankaŭ la radio-amatoroj spertas lingvajn malfacilajojn. Ni bezonus komisionojn de 3 aŭ 4 personoj en landoj kie agadas radio-amatoroj por esplori la situacion. Poste oni povus fiksi certan periodon por disaŭdigi en nia lingvo. Li mem povos kompili liston de la landoj kie aktivas radio-amatoroj fervojaj. Li petas la opinion de la komitatanoj.
F-ino Lemonnier respondas ke en Francio ekzistas granda asocio de radio-amatoroj.
Geroldinger diras ke en Aŭstrio entuziasmaj amatoroj ĉiutage elsendas.
En Innsbrück ekzistas internacia grupo.
Hauge sciigas ke en Danio estas kelkaj amatoroj.
Engen rakontas ke en Norvegio ekzistas radio-amatoroj, sed la kontakto kun ili estas malfacila, ĉar ili telegrafe interkontaktas.
Giessner promesas ke li verkos artikolon por LIF pri tiu afero. Poste ni povos decidi kion fari.
Zuber gratulas Giessner pro lia iniciato. Li bedaŭras ke nia federacio ne faris samajn klopodojn en la abstinenca movado.
Giessner kaj ankaŭ Labordus respondas ke ili plurfoje kontaktis kun la abstinenca movado, tute sen rezultato. La movado simple rifuzas akcepti Esperanton por siaj internaciaj rilatoj.

**Raporto pri la terminara laboro.**

K-go Ritterspach raportas ke jam en kvin landoj aperis listoj kun la fakaj terminoj; la

preparoj por la presigo ankoraŭ ne finiĝis. Li ofte spertis mankon de internacia kunlaboro.
La venonta terminaro aperos sur bazo de la UIC-eldono. En la ampleksa laboro li havas 12 helpantojn, kaj li proponas starigi terminaran komisionon en tiu kadro. Ĝi povus funkcii sub la nomo „Terminara Komisiono de IFEF". Li montras jam pretan tekston por aldono al la Statuto.
K-go Giessner subtenas la sugeston. Li konsilas ke la sekvonta kongreso decidu aldoni la koncernan tekston al la Statuto.
La prezidanto rimarkigas ke ankaŭ la elekto de komitatano por UEA necesigas aldonojn al la Statuto. Li opinias ke estas pli bone ne ŝanĝi la Statuton, ĝis ĉiuj proponoj por necesaj ŝanĝoj estas kolektitaj.
Ankaŭ la vicprezidanto, kiel gvidinto de la Statuta Komisiono nepre malrekomendas jam nun fari korektojn aŭ ŝanĝojn en la jus aperinta Statuto.
Tio certe ne estus progreso por nia movado. Antaŭ ol fari ŝanĝojn en ĝi, ni profunde studu la Statuto(n)/Regularo(n). Ŝanĝojn ni prokrastu almenaŭ 4 jarojn. Ĝis tiam ni povos aranĝi aferojn per kongresdecido.
K-go Sekereŝ petas agnoskon de la dezirata „Terminara Komisiono de IFEF" sen Statutŝanĝo.
Ĉar, laŭ peto de la prezidanto, neniu estas kontraŭ, la propono Ritterspach estas akceptita.

**Raporto pri junulara laboro.**

Pro la fakto, ke d-ro Ferenczy ne povas partopreni la kongreson, k-go Bernier raportas ke 24 junuloj el 9 landoj partoprenis la junularan kunvenon. La kunveno estis agrabla kaj utila, kvankam la disponebla tempo ne sufiĉis por trakti ĉiujn punktojn. La junularo bezonas pli da tempo por siaj laboroj; eble tutan tagon en la estonteco. Rekomendinde estas ankaŭ ke iu estrarano partoprenu la kunvenon kiel konsilanto. La vicprezidanto jam deklaris sin preta helpi la junularon en ĝiaj laboroj. Fine la raportanto aldonas, ke la dimanĉa kunveno, por kiu LKK disponigis tri horojn, ne okazis laŭ decido de la junularo mem. Krome li petas, ke junulara kunveno ne plu okazu samtempe kun terminara kunsido aŭ ekskurso.

**Raporto de la Fakprelega Komisiono.**

K-go Giessner mallonge raportas kaj instigas, ke oni eluzu la tekstojn de la fakprelegoj por naciaj lingvoj. Li petas ĉies kunlaboron koncerne la nunan fakprelegon. Oni kontrolu la tekston kaj se estas ia objektiva eraro en ĝi, tiam oni tion sciigu al li.

**Kongresproponoj.**

**FERN proponis** ke por gravaj decidoj necesu dutrionoj de la esprimitaj voĉoj. En sia klariga aldono k-go Labordus defendas la starpunkton de FERN, kiu opinias ke ne estas kontentige ke la komitato povas preni

*La fervojista orkestro el Antverpeno*



vere gravajn decidojn per simpla plimulto de la voĉoj, kiel ebligas la Statuto. Vere gravaj decidoj bezonu dutrionojn de la voĉoj
La komitato mem povos decidi ĉu iu afero estas tiom grava, ke ĝi bezonas pritrakton laŭ tiu escepta regulo. FERN ne deziras tujan ŝanĝon de la Statuto, kaj ĝi konsilas akcepti la proponon kiel kongresdecidon.
K-go Giessner atentigas pri art. 32 de la Statuto, kiu estas tute klara koncerne esceptajn kazojn ĉe voĉdonado. Li opinias la proponon nenecesa.
(Art. 32 temas pri Ĝenerala Voĉdonado, ne pri esceptoj ĉe voĉdonado. Red.)

La prezidanto direktas la atenton al art. 23 kaj al art. 33 de la Statuto.

Art. 23 tute klare diras ke ĉe ĉiu voĉdonado validas la plimulto de la voĉoj. Tio estas ĝenerale sekvata regulo, kaj por aferoj kiuj ne havas ege tiklajn punktojn, tiu labormaniero enhavas neniajn danĝerojn, kvankam laŭ tiu sistemo de balotado 7 landaj asocioj povos dikti sian volon al 11 ceteraj. Tiu fakto tute ne estas alarmiga, sed por aferoj kiuj povas endanĝerigi la ekzistadon aŭ la prosperon de kelkaj landaj asocioj, tiu sistemo ne estas ideala. Li memorigas pri malfacilajoj sekve de la decido pri kotizaltigo.

Art. 33 postulas por gravaj aferoj, kiel ŝanĝo de la Statuto kaj likvido de la Federacio, dutrionojn de la esprimitaj voĉoj. Tiun statute regulitan escepton FERN deziras ankaŭ por aliaj gravaj aferoj, menciitaj en ĝia propono.

K-go Narvalla deklaras sin kontraŭ statutŝanĝo. Ankaŭ k-go Blondeaux.
K-go Greutert diras ke la Statuto estas tute klara koncerne voĉdonadon.
Ĝi postulas duonon de la voĉoj kaj en difinitaj esceptaj kazoj dutrionojn. Li konsilas kolekti statutŝanĝojn dum 3 aŭ 4 jaroj kaj nur post tiu periodo decidi ĉu ŝanĝoj estos necesaj. Kotizaltigo estis necesa kiam la estraro proponis ĝin. Li deklaras sin kontraŭ la propono de FERN.
K-go Walder opinias ke se la malgrandaj landoj devas havi saman influon kiel la grandaj, ili havu ankaŭ samajn devojn. Tio signifus ke la malgrandaj landaj asocioj devus liveri al IFEF saman kotizosumon kiel la grandaj.
Tion ili certe ne deziras. Li opinias ke nia sistemo de balotado estas tute korekta.
Kolego Labordus ripetas ke akcepto de la propono ne nepre enhavos tujan statutŝanĝon.
K-go Sekereŝ ludas kun la esprimoj kongrespropono/kongresdecido, kaj konkludas ke la lasta vorto signifas eviton de statutŝango.
Li diras ke eĉ ne unu vorto troviĝas en la Statuto pri aliĝo de nia Federacio al alia internacia organizajo, kaj ĝuste pri tio temas la propono de FERN. Li rekomendas la esploron en komisiono, en kazo de eventuala aliĝo al alia organizajo.
La komitato malakceptas la proponon per 1 voĉo por kaj 13 kontraŭ.

**La dua propono de HEFA,**

pledas por pli da uniformeco en la nomoj de la landaj asocioj.
K-go Giessner substrekas ke pli da uniformeco estas dezirinda. F-ino Lemonnier subtenas tiun opinion.
K-go Geroldinger deklaras sin kontraŭ la propono. Li ne vidas neceson ke kelkaj landaj asocioj devus ŝanĝi sian nomon.
K-go Walder rigardas la proponon konstrua, sed li opinias ke nia Federacio ne devas miksi sin en la aferoj de la landaj asocioj.
Ĉe balotado neniu el la komitatanoj voĉdonas por la propono
Ĝi estas malakceptita kun 19 voĉoj kontraŭ.

**Elekto de revizoroj kaj vicrevizoro.**

FERN proponis por revizoroj la kolegojn Becker, Hardeveld kaj Van Leeuwen; por vicrevizoro kolegon Van 't Hoog. 14 voĉoj estas por la proponitaj revizoroj; 17 por la vicrevizoro. La elektitaj revizoroj prizorgos la revizion en 1967.

**Elekto de kongresurbo por 1968.**

K-go Dolapĉiev komunikas ke la koncerna aŭtoritato oficiale konfirmis la permeson okazigi la 20-an IFEF kongreson en Bulgario. Kiel kongreslokon LKK elektis Varna, fama banloko ĉe la Nigra Maro. Ankoraŭ ekzistas okazo elekti inter du periodoj: de la 11-a ĝis la 17-a de majo aŭ de la 18-a ĝis la 24-a de majo. Li mencias ke la organizantoj de la kongreso akiris bonajn spertojn, dum la organizado de la UEA kongreso en Sofio, antaŭ kvar jaroj.
K-go Greutert rekomendas tuj decidi pri la datoj de la kongreso.
K-go Coyac certigas ke la Francoj preferas la duan semajnon, pro la Ĉielirtago, kiu estas libera tago en tiu semajno. Laŭ sugesto de k-go Geroldinger la ĉeestantoj voĉdonas per manlevo. Montriĝas ke 28 ĉeestantoj preferas la unuan semajnon por kongresi, kontraŭ 17 kiuj estas por la dua semajno. **Sekve la 20-a kongreso okazos de la 11-a ĝis la 17-a de majo.**

**Provizora invito al kongreslando en 1969.**

Anoncas sin k-go Delaquaize kiu en la nomo de la Franca Fervojista Movado tutkore invitas la kongreson al Avignon, mezgranda urbo en la suda parto de Francio, kun alloga klimato kaj agrabla temperaturo ankaŭ en majo.

La kunvenantoj akceptas la inviton kun varma aplaŭdo.

**Libera diskuto.**

K-go Gimelli surprizas la kunvenon dirante ke en 13 jaroj ne okazis IFEF-kongreso en Italio; tial li jam nun invitas la 22-an IFEF kongreson al Bologna. Gaja aplaŭdo rekompencas lin.

K-go Geroldinger petas la estraron, proponi por honora distingo, tiujn kiuj tiom multe kaj bone laboris en fakprelega kaj terminara komisionoj.

La prezidanto respondas ke tiu afero jam havis plenan atenton de la estraro. Ĝi tamen respektis kaj subtenis la jam de LKK faritan proponon, koncerne la honorigon de tri meritplenaj membroj, fare de la FISAIC-prezidanto.

K-go Labordus dankas LKK kaj ĝiajn helpantojn pro la perfekta organizo de la kongreso. Li laŭdas la bone aranĝitajn programerojn. La prezidanto volonte substrekas tiujn laŭdajn vortojn.

K-go Hardeveld esprimas sian bedaŭron ke la estrara/komitata kunsido ne estas publika. Li tre deziras ke ankaŭ interesuloj havu rajton ĉeesti.

La prezidanto respondas ke art. 22 de la Statuto donas regulojn koncerne la partoprenon al tiuj kunsidoj. Granda nombro da ĉeestantoj bremsas la efikan laboron. Ni povus konsideri inviton al unu revizoro.

Sekereŝ atentigas ke en Bulgara kongreso IFEF estos 20-jara; la kongreso feste memoru tion. La rilatoj kun FISAIC estas tre gravaj. Li proponas ke la IFEF estraro invitu FISAIC sendi reprezentanton al la kongreso en Varna. El tio povus rezulti aniĝo de Bulgario al FISAIC.

Li rekomendas partoprenon al la estrara/komitata kunsido por la revizoroj kaj por tiuj kiuj poste funkcios kiel konsilanto aŭ komitatano.

La prezidanto avertas kontraŭ amasa ĉeesto.

K-go Giessner rekomendas al la estraro fari necesajn paŝojn ke ankaŭ Bulgario estu membro de FISAIC, ĉar sen tiu membreco la 20-a kongreso ne povos okazi en la kadro de FISAIC.

K-go Sredič sciigas ke ankaŭ Jugoslavio aliĝos kiel membro al FISAIC. Li rekomendas kontakti kun ĝia estraro koncerne la aliĝon de Bulgario. Li denove rimarkigas ke la tempo disponebla por la estrara/komitata kunsido ne sufiĉas por trakti ĉiujn niajn aferojn.

La vicprezidanto rimarkigas ke nia estraro ne povos influi aliĝon al FISAIC ĉar aliaj instancoj decidas pri tio.

K-go Steenhout laŭdas la kongresaranĝojn kaj la amikan sferon en la kongreso. Li dankas pro la ĉeesto en la komitatkunsido, kvankam la situacio pri BEFA estas ankoraŭ tre nebula.

La prezidanto havas bonan esperon solvi la problemon en Belgio. Li invitas Steenhout al kunlaboro en tiuj klopodoj.

K-go Moll instigas la ĉeestantojn serioze labori pri nia afero; profunde studi nian lingvon kaj ĝian ideon. Homoj kiuj balbutas nian lingvon ne helpas al ĝia disvastigo. Ĝi ne estas kreita por komplezi al kolektantoj de cigarringoj kaj poŝtmarkoj. Ni montru esperantan legaĵon en magazenoj kaj butikoj tra la tuta mondo, kaj ni legu kaj studu por esti bone informitaj pri la afero por kiu ni laboras.

La vicprezidanto, k-go Walder resumas la diversajn decidojn kaj montras je tio, ke en tiu ĉi kongreso okazis la unuan fojon en la historio de IFEF: 1. disdono de FISAIC medaljono, 2. prezento de teatraĵo, 3. lingvaj ekzamenoj.

Post liaj vortoj la prezidanto deklaras, ke kvankam estis multaj dancvesperoj, ni diligente laboris kaj daŭrigos nian laboron dum la tuta jaro. Nia laboro progresigas la aferon paŝo post paŝo. Estas multaj personoj, kiuj ĝuste pro nia konduto konvinkiĝas pri la valoro de Esperanto.

Per la deziro, ke ni restu laborantaj, li fermas nian 19an IFEF-kongreson.

Protokolis: Poptie

---

## Eŭropa Feria Semajno en Svislando

La 9a EFS estas plene preparita jam kaj okazos de la 3a ĝis la 9a de septembro proksima sur la monto Boldern ĉe Mannsdorf apud la zuriha lago. Belegaj ekskursoj, agrabla restado en amika atmosfero. Bona okazo por ĉiuj por ekzerci siajn lingvosciojn!

La prezo estas s.Fr. 175.— por la tuta aranĝo (por dulitaj ĉambroj krompago). Petu la detalan prospekton de la organiza adreso: S-ro Ernst Glaetli, Laurstrasse 17, CH-5200 Brugg. Lasta aliĝtago: 15a de aŭgusto 1967.

P.S. La ĝisnuna organizanto transdonis nur la administradon al la supre nomita kolego. La gvidadon de la semajno li mem faros. La kolegoj kiuj deklaris, ke ili ne plu partoprenos, se li ne plu gvidos, estas petataj tuj aliĝi do!

# Kelkaj impresoj pri nia „19 a"

Jam estas tradicie ke la laŭtparoliloj en la kongresurba stacidomo bonvenigas la alvenintojn esperantlingve. Kaj tiel ankaŭ Fulda akceptis nin je sabato la 6a de majo.
Antaŭ la stacidomo stratlarĝa tuko alvokis nin „Bonvenon en Fulda!" Sur la dorsflanko la tuko sciigis al la enloĝantoj, germanlingve, ke okazas Esperanto-kongreso en la urbo kaj tio estis celtrafa ĉar ni aŭdis kiel enloĝanta patro klarigis al la demandinta filo ke Esperanto estas lingvo per kiu oni povas paroli kun iu ajn mondano „eĉ se li venas el Honolulu"!
Fulda estas ideala kongresurbo: ne tiel malgranda ke mankas la ege agrablaj facilecoj kiel belaj butikoj kaj magazenoj kaj la elektebleco el diversaj manĝejoj kaj trinkejoj, sed tamen tiel malgranda ke ĉiu distanco de hotelo al kongresejo aŭ stacidomo estas marŝebla piede facile.
La „Oranĝerio" estas preskaŭ ideala kongresejo. Ĝi belega situas en ĉarma parko en kiu la restado mem ĉiam estas regalo. La salon(eg)oj estas vastaj kaj sufiĉenombraj, restoracio estas en ĝi; bedaŭrinde unu grava manko ĉeestis: la akustiko estis ege malbona. Plejgrave tio montriĝis dum la teatra vespero. La prezentado de la teatrajo mem estis granda sukceso por tradukinto kaj aktoroj. Michel Audibert mi jam aŭdis en Le Mans kaj tie, en la plej simplaj cirkonstancoj, sen iu kuliso, li sukcesis prezenti juĝiston tiel vivantan ke mi konsideris tion kiel novan sukceson de la lingvo Esperanto taŭga por ĉiuj homaj sentprezentoj.
Lia granda aktortalento ankaŭ nun estis klara sed bedaŭrinde multe, tro multe perdiĝis pro la ege malbona akustiko.

*La speciala kongrestrajno*





*Ĉe la ĉefurbestro de Fulda*

Sammaniere la plenkunsido en la ruĝa salonego estis malfacila kaj laciga afero. Taŭgaj por kunvenoj estis la bluaj salonoj en kiuj sufiĉe glate progresis la laborkunsidoj.
En ĉi tiuj kunsidoj ni jam vidis la grandajn ombrojn de la 20a kongreso pri la elekto de nova estraro speciale pri nova prezidanto! Espereble en ĉiuj landoj oni ek de nun tuj pripensos kaj pristudos la problemojn por ke oni havu solvon en Varna. Dum kelkaj kunsidoj la faktoj vivantaj en nia organizo estis dirataj klare kaj honeste kaj mi opinias ke tio estas taŭga rimedo por klarigi la aferojn!
La fakprelego je la marda vespero estis granda sukceso. La verkinto, samtempe la prezidanto de L.K.K., kolego Giessner, faris grandegan laboron per la kolektado, la pristudado kaj la kunigado ĝis unueco de la ampleksa materialo el 11 landoj.
Krome la samtempa prezentado de multaj kolordiapozitivoj bonege ilustris la elparolitan tekston. Por ĉiuj kolegoj kies laborado rilatas la veturadon de trajnoj tiu ĉi fakprelego estis ege interesa.
La bulgaraj kolegoj kunprenis kelkajn belajn kolorfilmojn kun Esperanto-teksto por instigi nin viziti la tiean kongreson.
La inaŭguro de la nova „Esperantostrasse" en Fulda fariĝis ampleksa solenaĵo. Ek de la kongresejo marŝis la Antverpena blovorkestro kaj post ĝi la uniformportantaj reprezentantoj el 14 landoj! La multfotografita grupo estis akceptita ne nur de aŭtoritatuloj sed ankaŭ de multaj interesataj fervojistoj (sur la viadukto aŭ sur la tereno de la riparejo) kaj de enloĝantoj. Denove post mul-

taj oficialaj paroladoj (kiel amata estas la oficiala parolado en Germanio!) la Esperanto-strato povis komenci sian ekzistadon. Sekvis kaj daŭris la fotografado de la 14 uniformitaj fervojistoj!

La raportado en la loka gazetaro estis bona. Merkrede la kongresanoj matenmanĝis ege frue kaj jam je la 7.13 h. speciala trajno, trakciita de Dizellokomotivo kun ambaŭflanke grandaj kongresŝildoj, ekveturis. Post du kaj duona horoj ni alvenis en la stacidomo Rothenburg ob der Tauber. La urbeto estis romantika kaj ĉarma kaj dum la rondpromenado ni ĝuis la belan elrigardon sur la valo (de la rivereto Tauber) kun la multaj florantaj fruktarboj.

Por ĝui bone prizorgitan artan programon de Esperantistoj-kantistinoj, ni vojaĝis al Uffenheim. Tiun urbeton oni elektis verŝajne nur pro la fakto ke tie oni povis disponi pri granda moderna halo taŭga por la artprogramo kaj por la vespermanĝado. La restado en ĉi tiu urbeto fakte estis iomete tro longa. Tiu cetera tempo sufiĉis por la ekformiĝo de nova klubo kiu nomiĝis „LIFKAŬ".

Pripensante la ĝeneralan impreson de nia 19a IFEF-kongreso kiu denove sukcesis unue pro la brilega vetero dum la tuta semajno, due pro kelkaj ege belaj aranĝoj kaj trie pro la vere amika harmonia sfero inter la gepartoprenintoj tamen restas maltrankviliga la demando: pro kiu fakto denove la nombro de la gepartoprenintoj estis nur iom pli alta ol 300?

Ĉu la partoprenado ne estas sufiĉe alloga el turista vidpunkto aŭ male: ĉu la partoprenado ne estas alloga pro la fakto ke la kongreso mem estas nur por komitatanoj kaj kelkaj komisionanoj? Ĉar fakte por la pligranda amaso da anaro restas la plena laborkunsido kiu prenas apenaŭ kelkajn horojn kaj ne estas ege interesa ĉar la komitatanoj jam antaŭe decidis en „nepublika" kunsido.

Iam la plena kunsido estis la „parlamento" de la federacio en kiu okazis la gravaj decidoj, sed tiu tempo estas for. Venis la komitato kaj ĝi laboras malantaŭ fermitaj pordoj. Por la „ordinara kongresano" restas la distrajoj kaj la turisma elemento.

Mi nur antaŭpuŝas la demandon same kiel kolego Hardeveld el Amsterdam faris dum la „libera diskutado", sed eble pliprofunda ekzameno pri ĝi estos utila por la estonteco de niaj kongresoj.

Partopreninto

*La tradicia kongresfoto*



# Distingo de meritplenaj IFEF-membroj en nia 19-a kongreso

Dimanĉon, la 7an de majo, okaze de nia 19a kongreso, la ĝenerala prezidanto de FISAIC, D-ro E. Schlesser, honorigis tri IFEF-membrojn pro iliaj specialaj meritoj por nia Federacio kaj por Esperanto.
La honorigo okazis en la teatra salono antaŭ prezentado de la teatraĵo.
Laŭvice estis invitataj al la scenejo:

**Johan Geroldinger,** Aŭstrio kiu akiris orumitan medalon pro siaj meritoj en la organizado de internaciaj skisemajnoj, la organizado de multaj kursoj kaj grandskalaj aranĝoj por la junularo kaj pro sia iniciato kaj klopodoj por la Linca Esperanto-monumento;

**Thies Blaauw,** Nederlando, kiu ricevis arĝentan medalon, pro 14-foja organizado de feriosemajnoj en Zwolle;

**Hans Hunkeler,** Svisio, por akcepti bronzan medalon pro 8-foja organizado de feriosemajnoj en Svislando.

Pri la rajto distingi per FISAIC-medaloj meritplenajn IFEF-membrojn decidis internacia FISAIC-kunveno, okazinta en Berchtesgaden en septembro 1966.
Ĉeestis en tiu kunveno kolego Giessner, la prezidanto de GEFA kaj de la LKK.
Kondiĉoj por la distingado estas ke la distingotoj apartenu al landoj, kies fervojaj kulturorganizaĵoj estas aliĝintaj al FISAIC.
En interkonsento kun la IFEF-estraro LKK proponis la tri menciitajn kolegojn al la kultura organizo de la Germana Fervojo kaj al FISAIC, kiuj akceptis tiun proponon.
La honorigo estis surprizo por la koncernaj amikoj kaj por la ĉeestantoj. La IFEF-estraro sincere gratulas la honorigitajn kolegojn, kies sindonaj laboroj dum pluraj jaroj, vere meritas specialan atenton.
Tre ĝojigas nin ankaŭ la fakto ke la distingo de IFEF-membroj montras la plifirmiĝantan pozicion de IFEF kaj de Esperanto ĉe FISAIC.
Espereble tiuj bonaj rilatoj kondukos estontece al plia disvolviĝo de ambaŭ internaciaj organizaĵoj.

de Jong

## La dumkongresaj diservoj en Fulda

Dimanĉe la 7an de majo, jam frumatene, la gekongresanoj vekiĝis pro gajaj tonoj de la multaj preĝejaj sonoriloj en la barokurbo Fulda.
Komencis tiuj en la pompa katedralo, — poste respondis tiuj en la preĝejo de St. Michael —, kiuj vokis la katolikajn fratojn inter la IFEF-anaro al diservo en Esperanto.
Kaj nun sekvis multaj aliaj preĝejoj, por allogi al la domo de la Sinjoro.
La sonoriloj ne altrudas, ili apelacias al niaj koroj.
La Kristpreĝejo en Fulda estas protestanta preĝejo, ne malproksime de la stacidomo kaj sekve en la rekta medio por fervojistoj.
Tien vokis nin ĝiaj sonoriloj al evangelia diservo en Esperanto.
La prezidanto de Kristana Esperantista Ligo Internacia — KELI, pastoro Adolf Burkhardt el Gechingen, gvidis la diservon.
Post orgenpreludo, kantado de himnoj, konfesoj de pekoj, kaj kredkonfeso, li tre vigle predikis pri la parabolo de la komisiitaj talentoj (Mateo 25 : 14—30).
La geaŭskultantaro devis rimarki, ke sur la predikseĝo staras tre inteligenta kaj energia homo, kiu sukcesas fari la kristanan mesaĝon aktuala, eĉ por ni homoj en la atomepoko.
Tipe Luthera estis ke pastoro Burkhardt en la prediko klare substrekis la idealon de la servo, kaj liaj vortoj sendube laboras en la cerboj kaj koroj de la ĉeestantaro de multaj landoj.
Tiu diservo denove pruvis ke la kristanismo, kiel la neŭtrala lingvo, estas tuthomara kaj internacia, kaj ankaŭ ke la diversaj kristanaj eklezioj bezonas neŭtralan ligilon kiel Esperanto.

Kr



Nur kelkajn paŝojn de la kongresejo situas la antikva preĝejo St. Michael, kie dimanĉon matene multaj katolikoj kun dekano Bergweiler celebris la sanktan meson. Tiu plej malnova preĝejo de Fulda prezentis indan kadron por diservo en nia internacia lingvo, kiu plejparte ankaŭ por la liturgio anstataŭis la antikvan internacian latinon. St. Michael, parte konservita el la konstrujaro 822, servis tiam kiel tombokapelo al la monaĥejo; el ĝi originis unue la kolonio, poste la kultura centro kaj la urbo Fulda. Proksimume 80 kongresanoj inter aliaj aŭskultantoj aŭdis la esperantlingvan predikon de la episkopa konsilisto J. Bergweiler pri komuneco de ĉiuj homoj per la Internacia Lingvo. Li trafe komparis la biblian lingvokonfuzon de Babilono kun la hodiaŭa lingva situacio en la

# Norvega Esperantista Fervojista Asocia solvis sian gazetproblemon

**LA RELOJ LIGAS LA LANDOJN, ESPERANTO LA POPOLOJN**



*Kiam la sveda lokomotivestro, (maldekstre) transprenas la deĵoron en la rapidtrajno Oslo O—Stockholm C de sia norvega kolego, lokomotivestro Ole Stenseth de Oslo, en la landlimstacio Charlottenberg, ilia devo estas interŝanĝi necesajn deĵorajn informaĵojn.*
*Dank' al la simileco inter la lingvoj en la skandinavaj fratlandoj, la interparolado entute ne havas problemojn, kaj ili ankaŭ havas okazon interŝanĝi kelkajn amikajn vortojn, eble pri ŝatokupoj kiel fiŝkaptado, filatelio, muziko aŭ horkantado, kaj fine deziri unu al la alia „daŭran bonan veturadon".*
*Ĉu fervojistoj en aliaj landlimstacioj en la cetera mondo havas la saman bonan avantaĝon al amika interparolado, kiel ĉe ni en Skandinavio? Aŭ ĉu ili spertis ke la lingvaj baroj vere estas grava malhelpo? Ĉu ne estas dezirinde ke ĉiuj fervojistoj en la tuta mondo lernu la internacian lingvon Esperanto?*

★

Supre ni prezentas parton de la titolpaĝo de la unua, belaspekta numero de „Fervojista Paĝo" kiu de nun aperos kiel aldono al Norvega Esperantisto, la ĉiumonata organo de Norvega Esperantista Ligo.
Per la koncerna interkonsento kun tiu Ligo la Norvega Esperantista Fervojista Asocio certigis regulan kontakton kun siaj membroj. La fervojista paĝo intencas informi la norvegajn kolegojn pri aferoj lokaj kaj tutlandaj, kiuj interesas speciale fervojistojn.
Sendube ĝi servos ankaŭ por la propagando inter la kolegoj de la fervojo, kiel pruvas la montrita bildo kaj teksto de ĉi tiu unua numero.
Cetera enhavo estas bona artikolo de Per Johan Krogstie pri „Aliĝo al FISAIC".
Ni gratulas niajn norvegajn kolegojn pri tiu praktika solvo de ilia gazetproblemo kaj ni esperas ke la posedo de propra komunikilo kondukos al kresko kaj prospero de la landa fervojista movado.
Por tiuj, kiuj ŝatas daŭran kontakton kun la amikoj kiuj prezentis al ni la brilan kongreson en Hamar, ni mencias ke Norvega Esperantisto kun la Fervojista Paĝo estas mendebla ĉe: Norvega Esperanto Ligo, Poŝtfako 942, Oslo. Abonprezo 8 N.Kr. jare.

de Jong.

---

mondo. Kvazaŭ pentekosta miraklo la fenomeno de la Internacia Lingvo devus konkeri la mondon por konverti la homaron al bona volo je paca kunvivado. „Benu vin la ĉionpova", la sacerdoto finis la meson, kies liturgion li mem kompilis. Tra la impona rotonda konstruaĵo sonis la kanto de la kunvenintoj: „Dion laŭdas ni."  mbr

---

**AVIZO AL LA LANDAJ ASOCIOJ DE IFEF**

Proksiman jaron, la Eŭropa Feria Semajno en Svislando povos jam jubilei sian dekan jaron de sukcesplena aranĝado. Por substreki tiun eventon, ni invitas la landajn sekciojn sciigi al la organizanta sekcio: Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj, poŝtfako 417, CH-5001 Aarau, la nomon de kolego kiu multe laboris jam por nia movado aŭ por Esperanto. Li povos senpage partopreni la tutan semajnon de la EFS 1968, (komence de septembro). Kondiĉo estas, ke sen tiu invito li ne povus partopreni pro malhelpoj financaj. Lo nomo de la aspiranto devas esti en posedo de SAEF fine de la kuranta jaro! La loto decidos pri la gajnonto!

# Impresoj pri la piedpilkludado

Multaj kongresanoj kolektiĝis en la bela sportejo Gallasiniring por ĝui la spektaklan konkurson, okazontan inter la sportemaj gejunuloj de nia IFEF kaj la dekunuo de FSV Germania 09 en Fulda.
La vetero estis agrabla, la suno amuze varmigis la bonaspektan herbejon. Sed pli varma estis la aplaŭdado de la unuiĝinta esperantistaro, kiu admire rigardis la kuraĝulojn. Post la ceremoniaj paroladetoj kaj interŝanĝo de donacoj (la gvidanto de nia dekunuo Günther Doliwa ricevis libron kaj donacis al la urba dekunuo la enkadrigitan emblemon de nia 19a kongreso), kaj la salutvortoj de LKK-prezidanto, kol. Giessner, kol. Lautenbach serioze ekokupis sin pri la peza kaj pena tasko gvidi la maĉon.
Por ne ŝoki la gejunulojn de Fulda, la esperantistoj tolereme akceptis la unuan golon post apenaŭ unuminuta ludado. Ne nur la golulo, kolego Doliwa, sed ĉiuj IFEF-anoj, kiuj cetere ekludis sen antaŭa preparado, defendis la honoron de IFEF kontraŭ la daŭre atakantaj Fuldanoj. Al kol. Doliwa sukcesis eĉ kelkfoje malebligi golojn, kaj tiel evitigi katastrofojn. Ankaŭ la veterano, nia amiko Virumbrales, gvidis kelkajn kontraŭatakojn en la direkton de la malamika golejo. Danka esperantistaro aplaŭdis liajn agojn kaj ankaŭ tiujn de la kasisto, kol. Oosterwijk. Malgraŭ tio la rezulto antaŭpaŭza estis 4—0.
Kun la teo la esperantista dekunuo ricevis pli da kuraĝo; nia veterano Virumbrales transdonis sian lokon al la filo, kiu bonege kaj vigle anstataŭis lin.
Kvin minutojn post la paŭzo la IFEF-anoj pafis sian unuan golon. Kaj antaŭ la fino ili ankoraŭfoje zorgis pri tio, ke la pilko estu en la reto. Tamen, malgraŭ ĉi tiu heroa batalo ili konvinkis la Fuldanojn, ke paroli esperanton estas pli facile, ol konkurse ludi kontraŭ bone hardita teamo. La sfero estis gaja kaj amika, la suno restis brilanta kaj ni ĉiuj volonte malenviis la venkon de FSV Germania 09: 8—2.
Ĉiuj partoprenintoj estis konvinkiĝintaj, ke la sporta renkontiĝo plifortigis la amikajn rilatojn inter la du dekunuoj. Rigardinto

**La IFEF-futbal-taĉmento en Fulda**

Oosterwijk (Nederl.) — Virumbrales (Hispanio) — Fernandez (Hispanio)

Malla (Liban.) — Roullet (Franc.)

Lessant (Franc.) — Kiefer (Germ.)

Baur (Germ.) — Lilkov (Bulgario) — Sikor (Germ.)

Doliwa (Germ.)



# Skribaj ordonoj al trajnoj kaj substitutaj metodoj

Faka prelego originale en Esperanto verkita de Joachim Giessner, Elze (Germanio), prelegita la 9an de majo 1967 en Fulda (Germanio) okaze de la 19a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF).

**Antaŭrimarkigo:** La marĝennumeroj koncernas la bildojn en la aldona ilustrajo.

## 1 Enkonduko

### 1.1 Ĝeneralaj antaŭrimarkigoj

Ĉie en la mondo oni aplikas trafikajn signalilojn por certigi al ĉiuspecaj trafikiloj kiel eble plej sekuran moviĝon. Por la fervojoj la signalado havas multe pli esencan signifon ol por iu ajn alia trafikospeco, ja oni eĉ povas diri, ke fervojoj ne povus funkcii sen signaloj respektive signaliloj.
Celo de ĉi tiu prelego estas, trakti kelkajn el la multnombraj helparanĝoj, kiuj rajtigas trajnon preterpasi nefunkciantan signalilon aŭ signalilon en haltiga pozicio. Mi klopodis, elekti karakterizajojn specialajn, jen el tiu, jen el tiu lando. Kunlaboris 11 landaj asocioj de IFEF, nome Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Finnlando, Francio, Germanio, Hungario, Nederlando, Norvegio, Svedio kaj Svislando. La priskriboj, komparoj kaj ilustrajoj sekve nur povas rilati al fervojoj el tiuj landoj. Meritas sinceran dankon la respektivaj landaj kunlaborintoj, kiuj bonvole kolektis la necesan materialon. Krome estas al mi agrabla devo, danki al mia longjara kunlaboranto Gernot Ritterspach, kiu reviziis la tekston kaj prizorgis preparadon kaj kompiladon de la akompanaj diapozitivoj kaj de la aldona bidbroŝuro.

### 1.2 La sekuriga principo de la fervoja trafiko

La rulado de trajnoj sur ĉiuj fervojaj retoj principe estas ordigita pere de presitaj instrukcioj kaj helpe de pli kaj pli rafinitaj teknikaj instalajoj, kies ĉefa celo estas, plialtigi la sekurecon
1 de la fervoja funkciado. La teknikaj rimedoj tiom perfektiĝis, ke sub normalaj kondiĉoj ne eblas akcidentoj. Tiu ĉi sekureco estas la plej valora kapitalo de la fervojoj.
Jen la sekuriga principo: Antaŭ ol oni permesas veturadon de trajno, oni konstatas, ĉu la itinero estas libera, kaj poste metas ĉiujn trakforkojn kaj aliajn necesajn sekurig-instalajojn en la ĝustan pozicion. Nur farinte tion, la trajnekspedanto povas aŭ rajtas funkciigi la respektivajn signalilojn, kiuj nun fiksas la trakforkojn kaj nepre malhelpas neintencitan manipuladon tiel longe, ĝis kiam la rulanta trajno post paso de iaspeca kontakto aŭ ĝis kiam sub difinitaj kondiĉoj fervoja dejoranto reliberigas la fiksitajn instalajojn.

## 2 Kaŭzoj por neregula traktado de trajnoj

Unue ni okupiĝu pri kelkaj kaŭzoj por neregula traktado de trajnoj. Ĉiuj fervojoj uzas ĉef-
2 signalilojn, kiuj staras dekstre aŭ maldekstre de la trako. Ĉie en Eŭropo konataj estas la
3 mekanikaj signaliloj kun brakoj kaj la lumsignaliloj, kiuj ofte funkcias konekse kun aŭtomataj
4 blokinstalajoj. Perturboj de signaliloj kaŭzas tre malagrablajn prokrastojn. Krome ekzistas multaj aliaj kialoj, kiuj malhelpas trajnon sekvi sian planon. Jen nur kelkaj ekzemploj:

- trajno devas neregule enveturi en stacian trakon, kiu finiĝas per bufrobloko aŭ en kiu jam staras veturiloj;
- trajno devas veturi sur kontraŭ-trako;
- trajno escepte haltu aŭ ne haltu en iu stacio;
- trajno devas redukti sian rapidecon pro kiu ajn kaŭzo;
- traklaboroj ĉiaspecaj;
- komunikado inter stacioj estas interrompita, ktp.

Unu el la plej gravaj rimedoj, por kontraŭagi la malagrablajn sekvojn de la jus nomitaj malhelpajoj, estas ordonoj skribitaj sur formularojn, kiujn ni nomas „ordoniloj".

# 3 Skribaj ordonoj sur ordoniloj

## 3.1 Aspekto de la ordonil-formularoj

### 3.1.1 Formato

5 Skribaj ordoniloj ekzistas en ĉiuj landoj kunlaborintaj. Rigardante nur la eksterajon de la
formularo, oni rimarkas, ke ses el dek-unu landoj preferas la starantan formaton, tri la
kuŝantan, dum en Norvegio kaj Svedio oni uzas ambaŭ format-specojn.
6 La plej malgranda ordonilo troviĝas en Francio, nome 105 mm larĝa oble 120 mm alta, dum
la plej grandan ordonilon havas la svedaj fervojoj kun 210 mm oble 300 mm.
Okulfrapa estas la diferenco inter la nombro de formularoj uzataj entute en unu lando. Jen
unuflanke Hungario kun nur 1 speco, aliaflanke Svedio kun 13, dum la plej multaj fervojoj
7 aplikas 3 aŭ 4 diversspecajn ordonilojn.

### 3.1.2 Koloroj

8 Kaj kion pri la koloroj? Kun escepto de Hungario, kies unusola ordonilo estas blanka, ĉiuj
landoj minimume aplikas la ruĝan koloron. En kvin landoj oni trovas la flavan koloron sur
formularoj ĉiuj koncernantaj limigitan rapidecon respektive singardan veturadon. La verda
koloro aperas sur ordoniloj de ses landoj, dum la blua apenaŭ estas trovebla.

### 3.1.3 Konservado kaj kontrolado de la ordoniloj

9 La neuzitaj formularoj ĝenerale troviĝas en blokoj. La nombro de ekzempleroj po bloko
alternas de 10 en Francio ĝis 150 en Finnlando. Kaj plia interesa problemo: Ĉu kontrol-
numero, ĉu ne? Evidentiĝas, ke en 7 landoj tute ne estas konata tia numero. En Neder-
lando oni sur la plej multaj ordoniloj enskribas kontrolnumeron, dum en Hungario kaj Ger-
10 manio tra la tuta bloko estas presitaj sinsekvaj numeroj de 1 ĝis blokfino. En Francio ĉiu
numero aperas dufoje, por ke la kopio de la trajnekspedanto havu la saman numeron kiel la
originalo.

### 3.1.4 Presita teksto sur la ordoniloj

Ĉiuj formularoj enhavas presitan tekston. Sur unu flanko staras kiel plej simple konstruita
11 la ordonilo de la hungaraj fervojoj, kiu estas uzebla por ĉiuj nenormalajoj. Sur ĝi nur troviĝas
kelkaj presitaj teksteroj por la plej ĝeneralaj indikoj, kiel ekzemple trajnnumero, dato, stacio,
skribanto, transprenanto. La efektivan ordonon oni permane skribas en kadron, kiu ampleksas
tri kvaronojn de la tuta formularo. Aliaflanke sur la 13 svedaj formularoj oni trovas amason
12 da presitaj tekstlinioj, kiuj koncernas difinitajn nenormalajojn. Precipe instruoj por adeptoj
de la Internacia Lingvo estas la svisaj formularoj, kiuj de la unua ĝis la lasta tekstero
prezentiĝas en tri lingvoj, nome germane, france kaj itale! Menciindaj estas ankaŭ la francaj
13 ordoniloj, sur kies kopioj, kiujn konservas la trajnekspedanto, estas presitaj nur malmultaj
vortoj, dum la transdonotaj originaloj enhavas multe pli da teksto, kelkaj eĉ pli ol cent vortojn.

## 3.2 Kiu rajtas skribi, dikti, transdoni ordonilon?

14 Kiel ni komence vidis, skribaj ordonoj estas donataj, kiam la kutimaj sekurig-instalajoj ne
funkcias aŭ ne povas esti aplikataj. En tia momento ĉiu trajnmovigo fariĝas danĝera. Pro tio
la fervojaj administracioj severe limigis la rajton skribi ordonilojn al nur malmultaj personoj
kaj detale difinis la koncernajn kondiĉojn. Principo en ĉiuj landoj estas, ke tiu stacia dejo-
15 ranto, kiu respondecas pri la funkcia servo de la stacio, nome la trajnekspedanto, unuavice
rajtas kaj devas skribi ordonilojn por trajnoj. Kiam la lokaj cirkonstancoj estas nekomplikaj,
li ne nur skribas kaj subskribas, sed ankaŭ mem transdonas la pretigitan formularon al la
trajnistaro.
Sed kion fari, se ekzemple trajno atendas antaŭ signalilo 800 m for de la trajnekspedanto,
aŭ se la trajnekspedanto tiom estas okupata, ke li eĉ ne momenton povas forlasi sian
dejorejon?
16 En tiaj kazoj kutime oni permesas al la trajnekspedanto dikti la ordoniltekston telefone al
alia dejoranto aŭ sendi iun fervojiston por transdoni la ordonilon al la trajno. Ne ĉiuj fervojoj
postulas, ke tia sendito aŭ komisiita transdonanto portas uniformon, tamen li minimume estu
ekkonebla kiel fervojisto per kaskedo, rubando aŭ simila objekto. Ni imagu la situacion, ke
trajno alproksimiĝas al stacio, kies enveturslgnalilo ne povas esti metata en libervojan pozi-
cion. Ekzistas pluraj eblecoj por la ordon-komunikado.

### 3.2.1 Diktado al dejoranto de propra stacio

17 La trajnekspedanto telefone diktas la tekston al dejoranto de sia propra stacio. Ĉi tiu dejo-
ranto povas ekzemple esti kajoĉefo, signalisto aŭ trakforkisto. Evidente la trajnekspedanto
sub tiaj cirkonstancoj ne mem povas subskribi la ordonilon. Tion faras la skribanto, al kiu
la teksto estas diktita, almenaŭ en la plej multaj landoj. La skribanto subskribas per sia
18 propra nomo aŭ, kiel en Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Germanio, Nederlando kaj Svis-
lando, li subskribas per la nomo de la trajnekspedanto, aldonante la vortojn „laŭ komisio"
kaj sian propran nomon. Tamen tion tute ne permesas Svedio, kie nur la trajnekspedanto
mem rajtas subskribi, dum en Francio nur la kontrolnumero estas notata kaj nenia subskribo
necesas. En Nederlando tiun ordonil-specon, kiu ordonas veturi sur la kontraŭ-trako, principe
nur rajtas subskribi la trajnekspedanto.

### 3.2.2 Diktado rekte al la trajnistaro

Kiam la distanco al la signalilo estas granda, oni preferas alian metodon, nome la trajn-
19 ekspedanto telefone diktas la ordonilon rekte al la trajnistaro. Antaŭkondiĉo estas, ke prok-
sime de la signalilo troviĝas rekta telefono al la trajnekspedanto. Tiaj aparatoj ekzistas ĉiu-
lande, plej ofte en budoj aŭ kestoj, almenaŭ ĉe la iom denstrafikaj linioj. En Germanio de
gravaj signaliloj al la trajnekspedanto ekzistas specialaj telefon-komunikoj kun la nomo
„signaltelefono". Ili malhelpas eraran ordonil-diktadon al malĝusta trajnistaro. Apud la
20 telefonaparato kuŝas ordonilbloko, kaj post la diktado la respektiva trajnestro devas sciigi
sian nomon kaj la kontrolnumeron de la jus skribita ordonilo al la trajnekspedanto, kiu notas
ambaŭ en sian originalajon. En aliaj landoj ne ekzistas tiaj blokoj apud la telefonoj. En
21 Ĉeĥoslovakio la trajnestroj havas ĉe si ordonilblokon, kiun ili uzas laŭ diktado de la trajn-
ekspedanto aŭ eĉ sen ties ordono, se difinitaj cirkonstancoj postulas tion. En Francio ili
nur atente aŭskultas kaj poste notas por si la kontrolnumeron, kiun telefonas la trajn-
ekspedanto aŭ ties komisiito. En Aŭstrio, Finnlando kaj Svislando sufiĉas nura aŭskultado
sen notoj.

## 3.3 La procedo de la ordonil-transdono

Ni vidis, ke la tranjekspedanto rajtas komisii aliajn dejorantojn skribi kaj transdoni ordonilon al la trajnistaro. El tio rezultas tuta komplekso da demandoj.

### 3.3.1 Momento de la transdono

Principe ĉie agnoskite estas, ke skriba ordono nur povas esti donata al trajno, „post kiam
ĉiuj antaŭkondiĉoj estas plenumitaj." Tio signifas, ke itinero por la trajno estas laŭ la lokaj
eblecoj fiksita kaj sekurigita, kaj ke ne troviĝas obstakloj en ĝi, ke — se necese — la
retro-avizo de la antaŭa trajno estas ricevita, ktp. Nur poste la trajnekspedanto respektive
ties sendito rajtas transdoni la ordonilon. Por eviti tro fruan enmanigon, en Francio, Germanio
kaj Norvegio en la ordonilojn devas esti enskribataj krom la dato ankaŭ horo kaj minuto
22 de la transdono. En Danio la ekzakta tempoindiko necesas nur sur ordoniloj donantaj per-
meson por veturo el stacioj aŭ preter bloksignaliloj. Sur la svedaj ordoniloj devas esti notata
aŭ la dato de la respektiva tago aŭ de la nokto al la sekvonta tago.

Kompreneble la trajnistaro, kiu konsistas el trajnestro, konduktoroj kaj la personaro sur la trakciilo, ne nur estu informata, sed komplete komprenu la ordonon. Povas ja eĉ okazi, ke diversaj ordonoj estas donataj samtempe per unu aŭ pluraj ordoniloj. Tamen preskaŭ ĉiuj fervojoj ne postulas ripetadon de la teksto flanke de la transprenanto, escepte de Nederlando, kie li devas laŭtlegi la tekston kaj konfirmi, ke li komprenis.

### 3.3.2 Kiu ricevas la ordonilon?

Al kiu do oni donas la ordonilon? Plej ofte al la trajnestro, kiu poste respondecas pri la
informado de la cetera trajnistaro. Sed en Francio kaj Nederlando oni principe enmanigas
23 la ordonilon al la trakciilestro, dum en Svedio rekte al ambaŭ. Aliaflanke en diversaj landoj
— kiel en Danio — dependas de la ordonilspeco, kiu unuavice ricevas ĝin; povas dependi
ankaŭ de la cirkonstancoj, kiel en Germanio, kie oni donas la specojn por signalil-preterpaso
kaj rapidec-limigo foje al la trajnestro, foje al la trakciilestro, sed la specon por veturado
sur kontraŭtrako nepre nur al la trajnestro.

### 3.3.3 Transdono de originalo aŭ kopio, kvitanco

Ĉu la trajnistaro ricevas la ordonil-originalon aŭ la kopion? Denove diferencoj. Tri landoj donas la originalon, ses aliaj la kopion respektive kopiojn. En Danio oni laŭplaĉe enmanigas unu aŭ la alian, dum en Svislando oni eĉ ambaŭ donas al la trajnistaro kaj nenio restas en la stacio.

**Transdono de ordonil-orginialo aŭ -kopio**

| Lando | Restas ĉe trajnekspedanto | estas informataj | | |
|---|---|---|---|---|
| | | trajnestro per | estro de | |
| | | | 1a trakciilo per | 2a trakciilo per |
| Aŭstrio | kopio | originalo | kopio | kopio |
| Ĉehoslovakio | originalo | kopio kelkfoje mem skribas originalon | kopio | buŝe |
| Danio | laŭplaĉe | originalo kaj kopio estas egalvaloraj | | |
| Finnlando | kopio | originalo | kopio | buŝe |
| Francio | kopio (trunkfolio) | buŝe | originalo | buŝe |
| Germanio | originalo | kopio, trajnestro kelkfoje mem skribas originalon | kopio | buŝe |
| Hungario | originalo | kopio | kopio | buŝe |
| Nederlando | kopio | kopio | originalo | buŝe |
| Norvegio | originalo | kopio | kopio | kopio |
| Svedio | originalo | kopio | kopio | kopio |
| Svislando | nenio | originalo aŭ | kopio | kopio (kelkfoje) |

Simila bildo koncerne la kvitancon. Kelkaj fervojoj postulas, ke la transprenanto skribe konfirmas sur tiu ekzemplero, kiu restas en la stacio, tiel ke la stacio poste povas pruvi, kion ĝi ordonis al trajno. Kompreneble skriba konfirmo nur eblas, kiam la ordonilo rekte kaj ne telefone estas donata al la trajnistaro.
Sed ankaŭ por rekte donitaj ordoniloj kelkaj fervojoj rezignas pri skriba atesto, ekzemple Finnlando kaj Svislando ĝenerale, kaj Germanio ĝuste tiam, kiam temas pri permeso preterpasi ĉefsignalilon. Tute male en Danlando la komisiita transdonanto atestas la enmanigon de la ordonilo al sia trajnekspedanto. En Hungario la trajnestro devas subskribi sur la originalo de la trajnekspedanto kaj la trakciilestro sur la kopio de la trajnestro.
Se en trajno troviĝas kelkaj trakciiloj, en Aŭstrio la estro de ĉiuj laborantaj lokomotivoj devas ricevi ordonilkopion, sed nur la kondukisto de la unua kvitancas sur la ekzemplero de la trajnestro, dum en Ĉehoslovakio nur la estro de la gvidanta trakciilo ricevas kopion, kvankam ankaŭ la alia kondukisto devas skribe konfirmi al la trajnestro, ke li estas informita. Inverse en Svedio la dua kondukisto ricevas kopion, sed ne bezonas kvitanci. En Svislando ĝenerale ĉiuj kondukistoj ricevas kopion sen konfirmo, dum en Norvegio ankaŭ ĉiu trakciilestro ricevas kopion, sed la atestado ĉu jes aŭ ne dependas de la ordonilspeco.

**Kiu kvitancas al kiu la ricevon de ordonilo kaj kio?**

| lando | trajnestro | | estro de 1a trakciilo | | estro de 2a trakciilo | | registrado en stacio? |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | al | sur | al | sur | al | sur | |
| Aŭstrio | trajnekspedanto | kopio | trajnestro | originalo | ne | — | trajnaviz-registro se tardiĝo kaŭzita |
| Ĉeĥoslovakio | trajnekspedanto | originalo | trajnestro | kopio | trajnestro | kopio | trajnaviz-registro |
| Danio | nenia konfirmo de trajnistaro, male: transdonanto buŝe konfirmas al trajnekspedanto | | | | | | trajnaviz-registro aŭ telegramjurnalo |
| Finnlando | buŝe aŭ neniel | — | buŝe aŭ neniel | — | ne | — | ne |
| Francio | buŝe | — | buŝe | — | ne | — | trajnaviz-registro |
| Germanio | trajnekspedanto | originalo | ne | — | ne | — | trajnaviz-registro |
| Hungario | trajnekspedanto | originalo | trajnestro | kopio | ne | — | ne |
| Nederlando | trajnekspedanto | kopio | trajn-ekspedanto | kopio | ne | — | ne |
| Norvegio | trajnekspedanto (nur kelkaj specoj, aliaj tute ne) | | | | | | trajnaviz-registro |
| Svedio | trajnekspedanto | originalo | trajn-ekspedanto | originalo | ne | — | ne |
| Svislando | buŝe aŭ neniel | — | buŝe aŭ neniel | — | ne | — | ne |

### 3.3.4 Traktado de ordonilo flanke de la trajnistaro

Ankoraŭ ni ne scias, kiamaniere la ordonil-adresato traktas la ordonilojn. Mi koncize pri-
skribos la germanan metodon kaj poste prezentos kelkajn diferencojn alilandajn. Ĉe la Ger-
24 mana Federacia Fervojo kutime la trajnestro post konfirmo sur la originalo de la trajn-
ekspedanto ricevas du kopiojn, el kiuj unu post observado de la anoncitaj nenormalajoj li
aldonas al sia veturraporto.
La trakciilestro ricevas de la trajnestro la duan kopion sen konfirmo kaj pendigas ĝin en
25 sia kondukistejo tiel longe, ĝis kiam ĝi ne plu estas aktuala. Poste li ne plu konservas ĝin.
26 La trajnestro buŝe informas la konduktorojn, dum la trakciilestro informas sian hejtiston aŭ
kunulon, krome la kondukiston de eventuala dua trakciilo. Kiam trajno haltas antaŭ ĉef-
signalilo nefavore situanta, ofte la trakciilestro — por eviti tempoperdon — mem skribas aŭ
senpere ricevas la ordonilkopiojn. Kiel eble plej baldaŭ li donas unu al sia trajnestro. Se
la trajnistaro pro rekta diktado nur havas unu ordonil-ekzempleron, ĉi tiun konservas la
trakciilestro kaj post malaktualiĝo transdonas ĝin al la trajnestro. La kondukisto de eventuala
puŝlokomotivo nepre devas ricevi apartan kopion, se temas pri preterpaso de ĉefsignalilo
aŭ pri singarda veturado.

En kelkaj landoj oni agas simile, tamen rimarkindaj estas jenaj diferencoj: En Finnlando post malaktualiĝo oni simple forjetas la eluzitan ordonilon por ne kaŭzi miskomprenojn. En Francio principe la trakciilestro ricevas la ordonilon kaj post la dejoro aldonas ĝin al sia tielnomata trajndejorslipo. En Norvegio kaj Svedio tute ne ekzistas reguloj pri la plua traktado de ordoniloj, tamen oni kutime konservas ilin ĝis dejorfino. En Svislando la trakciilestro estas la ĉefa respondeculo en la tuta afero. Post la dejoro li transdonas la ordonilojn al sia hejma dejorejo, kie ili estas konservataj 3 jarojn. Krome la trajnestro aldonas sian ordonilekzempleron al la veturraporto.

3.3.5 **Skriba ordono sen formularo.**

Sub eksterordinaraj cirkonstancoj la plej multaj fervojoj permesas, ke la trajnistaro ankaŭ agnoskas ordonon, se ĝi estas skribe prezentata sur iu ajn slipo, kiu tamen en Ĉehoslovakio devas havi stacian stampon. Nur la nederlandaj, norvegaj kaj svedaj fervojoj ne permesas tiun faciligon.

3.4 **Registrado de ordonilo** (komparu lastan kolonon en la listo fine de 3.3.3.)

Pro kompleteco ni tuŝu la demandon, ĉu la trajnekspedanto iel devas registri la transdonon de ordonilo. Tio principe ne okazas en Finnlando, Hungario, Nederlando kaj Svislando. Tamen en Finnlando oni notas antaŭe konatajn obstaklojn en la trajnaviz-registro.
27 En Aŭstrio la trajnekspedanto nur notas ordonilon en trajnavizregistro, kiam la koncerna
28 trajno pro ĝi malfruiĝis, en Germanio nur, kiam la kaŭzo ne estas ekkonebla el la ordonilo,
29 en Norvegio nur difinitajn ordonilojn, dum en Ĉehoslovakio kaj Danio oni notas ĉiujn ordonilojn en la trajnaviz-registro kaj en Francio oni eĉ almetas la ordonilon al ĉi tiu libro. La svedaj trajnekspedantoj devas sciigi la transdonon de ordonilo al certaj, tielnomataj kontrolstacioj, kies trajnekspedantoj same registras la enmanigon.

## 4 Loko de la ordoniltransdono

Diversajn gravajn vidpunktojn pri la ordoniltraktado ni nun konas. Ni menciis, ke la „antaŭkondiĉoj devas esti plenumitaj" antaŭ ol ordonilo rajtas esti enmanigita. Tio tamen nur montriĝas ĝusta, kiam temas unuflanke pri ordonil-transdono aŭ -diktado rekte al trajno, kaj kiam aliaflanke la kialo devenas el evento, por kiu la koncerna stacio mem estas kompetenta kaj fiksas siajn ordonojn al la trajno laŭ propra decidrajto. Sed la fervojista ĉiutago prezentas sennombrajn neregulajn okazaĵojn, kiuj devas esti ordigataj, kvankam ne koncernantaj la propran stacion.

Tio ofte necesigas transdonon de ordonilo pere de stacio multajn kilometrojn antaŭ la loko, kiun la ordonilo koncernas. Ĉiuj administracioj principe permesas tion sub difinitaj cirkonstancoj. Jen ekzemplo: en tardiĝanta trajno troviĝas pasaĝeroj por koneksa eksprestrajno. Pro la tardiĝo ili ne plu povus atingi la koneksotrajnon en la laŭplana ŝanĝstacio. Tial la kompetenta trajntrafikgvidanto donigas ordonon al la ekprestrajno, neplane halti en taŭga stacio, por ke tie la pasaĝeroj tamen povu ŝanĝi la trajnon. Se tio estas decidita lastmomente, oni plej ofte povas haltigi la trajnon nur per la elvetur-signalilo de la koncerna stacio. Tio kutime signifas gravan tempoperdon. Pli konvene estas, doni skriban ordonon en la lastantaŭa haltstacio. Tiel la trajnistaro povas prepari sin sufiĉe frue, la trakciilestro pli glate kondukas la trajnon al la kajo kaj tie haltigas ĝin en la ĝusta loko.

Trajnestro kaj konduktoroj tuj povas helpi la pasaĝerojn, kaj sen perdo de sekundo la eksprestrajno daŭrigas sian vojon. Sed ĉio ĉi nur funkcias, se la trajnekspedanto de la haltstacio antaŭ alproksimiĝo de la trajno ekscias, ke ties trajnistaro ricevis haltordonon. Plej ofte la skribinta trajnekspedanto telefone donas al la haltstacio tiun konfirmon, kiun oni ĝenerale ne notas. Kiel menciite, tio nur estis unu ekzemplo el multaj.

Interesa estas la traktado de franca ordonilo, kiu rajtigas la kondukiston pluen veturi laŭvide en okupitan bloksekcion. Ĉi-kaze la konfirmo devas esti telegrama kaj la trakciilestro devas fordoni sian ordonil-kopion al tiu blokstacio, ĝis kiu la ordonilo validas. Ĉi-loke mi ankaŭ priskribu svedan apartaĵon. Tie oni diferencigas inter „ordonstacioj" kaj „kontrolstacioj". En la ordonstacioj, el kiuj nur ekzistas malmultaj sur unu linio, la trajnistaroj regule ricevas ordonilojn pri ĉiuj jam konataj eventoj por la linio-parto ĝis sekvanta ordonstacio aŭ ĝis stacio, kie la personaro estas anstataŭata. La survojaj kontrolstacioj kontrolas, ĉu ĉiu trajno ricevis la validajn ordonilojn. Kompreneble ankaŭ ĉiu alia stacio rajtas doni ordonilon, se subite necese. La finnaj fervojoj konas la nocion „anoncstacio". Tiaj stacioj havas la taskon transdoni ordonilon, per kiu oni informas la trajnistaron pri specialtrajnoj sur pli malpli longa linio unutraka.

## 5 Preterpaso ĉe ĉefsignalilo laŭ buŝa ordono

Kvankam ĉi tiu prelego temas ĉefe pri skribaj ordoniloj, ni ne povas neglekti la demandon, ĉu estas permesate preterpasi ĉefsignalilon laŭ buŝa ordono de stacia dejoranto. Preskaŭ
30 ĉiuj landoj tion permesas, sed nur sub certaj kondiĉoj. En Danio kaj Nederlando la ordonanta fervojisto devas akompani la trajnon kiel piloto en la stacion. Tio kostas multe da tempo. La svisaj fervojoj postulas, ke la ordonanto estu en uniformo. Speciale interesaj estas la hungara kaj germana metodoj. En Hungario preterpaso laŭ buŝa komisio estas permesata, sed nur kiam krome mansignalo pri libera preterpaso videble estas donata.
En Germanio, kiam temas pri lumsignaliloj, oni distingas ilin en du klasojn. Tiuj, kiujn trajno
31 nepre ne rajtas preterpasi laŭ buŝa ordono, portas koloran mastŝildon blank-ruĝan, tiuj, kiujn trajno rajtas preterpasi, havas blankflavan ŝildon. Plej grave estas, ke la buŝan ordonon

rajtas doni la trajnestro, tamen nur, se neniel estas eble telefoni al la trajnekspedanto. Ĉikaze la trajno daŭrigas sian veturadon „laŭvide", tio estas kun maksimuma rapideco de 30 km/h sur unutraka linio kun nur 15 km/h. En Ĉeĥoslovakio kaj Francio principe ne estas allasita preterpaso laŭ buŝa ordono.
Unika ekzemplo ekzistas en Nederlando. Sur linioj kun aŭtomata bloksistemo ofte okazas, ke inter du stacioj troviĝas interspaco kun pluraj bloksekcioj. Kondiĉe ke tiuj bloksignaliloj portas la literon „P" (tio signifas „permesita"), oni aplikas jenan metodon: trajno, kiu atingas tian signalilon en haltiga pozicio, devas halti. La trakciilestro telefonas al la venontstacia trajnekspedanto, kaj se tiu ne malpermesas, la trajno nun devas preterpasi la signalilon malgraŭ ties haltiga pozicio. La trajno devas daŭrigi sian vojon kun rapideco de maksimume 30 km/h preter ĉiujn sekvontajn bloksignalilojn kun litero „P" (egale ĉu ili montras ruĝan, flavan aŭ verdan lumon) ĝis la envetursignalilo, kiun funkciigas la altelefonita trajnekspedanto. Ĉi tiu vere tempoŝpara procedo eĉ estas aplikata, se en unu el la bloksekcioj jam troviĝas alia trajno, eĉ kvankam la trajnekspedanto ne ekzakte scias kie.
Laŭdire neniam ĝis nun okazis akcidento pro tiu metodo.

## 6 Anstataŭo de skribaj ordonoj per substituaj metodoj

### 6.1 Ĝenerala informilo pri provizoraj malrapidejoj

Konekse kun la ĝisnuna traktado de la temo ni esploru, ĉu kaj kie skribaj ordonoj povas esti anstataŭigataj per substituaj rimedoj. Senhezite ni rajtas jesi tiun demandon. Oni aplikas tiajn metodojn eĉ relative ofte, kio estas tre valora por la funkcia servo, ĉar tempoŝpara.
Multaj provizoraj lokaj rapidlimigoj (do ne temas pri daŭraj rapidlimigoj) antaŭe estas planitaj kaj sekve konataj. Estus tempoperdo, se oni ankaŭ por ili devus skribi unuopajn ordonilojn. Pro tio la plej multaj landoj kreis ĝeneralan informilon, kiu periode plej ofte semajne
32 aŭ dusemajne — estas publicata por la trajnistaro. En Danio, Germanio kaj Nederlando la
afero similas. Jen la germana metodo. En ĉiu direkcia regiono aperas tiu informilo, mallonge
33 nomita „La". Ĝi validas de dimanĉo nula horo ĝis sabato 24a horo. Ĉiuj estroj de trajnoj
kaj de trakciiloj devas havigi al si tian liston antaŭ dejorkomenco kaj daŭre konservi ĝin ĉe si. Kvitanco ne necesas. Pri ĉiuj rapidlimigoj, kiujn enhavas la listo „La", ne plu necesas doni skribajn ordonilojn al la trajnoj, escepte, se la kontraŭtrako estas uzata. Konstatinte, ke en tia informilo „La" por unu semajno en nur unu direkcia regiono estas registrataj 100 aŭ pli da provizoraj malrapidejoj, oni povas imagi, ke miloj da ordoniloj ne devas esti skribataj, ke amaso da trajnhaltoj ne devas okazi, ke multege da tempo estas gajnata. Ankaŭ la aŭstra kaj la norvega sistemoj estas similaj. En Aŭstrio la listo „La" periode aperas, somere pli ofte ol vintre, en Norvegio ĝi neregule aperas. En ambaŭ landoj la personaro devas kvitanci. Poste skribaj ordoniloj por antaŭviditaj malrapidejoj ankaŭ tie estas superfluaj.
La francaj trajnistaroj estas informataj pri konataj eventoj per specialaj ordoniloj, el kiuj precipe gravaj estas tiuj pri rapidlimigoj. Kondiĉe ke ili estas afiŝitaj 72 horojn antaŭ la aktualiĝo en la hejmaj dejorejoj, tio superfluigas skribajn ordonojn. Similaj limtempo kaj sistemo ekzistas en Svislando, sed kun la diferenco, ke nur la trakciilestroj devas informi sin pri
34 la nenormalajoj. Dum la unuaj 72 horoj tamen skribaj ordoniloj estas donataj, poste ne plu.
Kvitanco ne necesas. La trajnestroj tute nenion ekscias pri la listo de malrapidejoj kaj neniel estas respondecaj.
En Svedio oni konatigas provizorajojn al la trajnistaro per afiŝoj, kiuj devas pendi unu monaton en la hejma dejorejo. La trajnistoj nek notas nek konfirmas ion nek estas anstataŭataj la normalaj ordoniloj. Restas du landoj, kiuj entute ne konas tian informilon, nome Ĉeĥoslovakio kaj Finnlando. Tamen ankaŭ en Ĉeĥoslovakio oni certagrade informas la trajnistojn en la hejmdejorejoj pere de libro kun la strange nomo „libro de normalajoj", strange tial, ĉar ĝi informas pri nenormalajoj. La trajn- kaj trakciilestroj krome ricevas la kutimajn ordonilojn. En Finnlando tute ne ekzistas listo aŭ libro. Sed liniosekcioj, sur kiuj la rapideco dum minimume 72 horoj estas limigata ĝis ne sub 25 km/h, estas loke markataj per „signoj de danĝera sekcio", kion oni minimume 72 horojn antaŭe anoncas al la respektivaj trajnistaroj per afiŝoj en la koncernaj dejorejoj. Kaze de rapideclimigo sub 25 km/h krome necesas skriba ordonilo.

### 6.2 Substitu-signaliloj

Ni jus ekkonis, ke helpe de specialaj skribaj informiloj la fervoja funkciado konsiderinde povas esti akcelata en tiuj kazoj, kiuj antaŭe estas konataj. Sed ofte la nenormalajoj antaŭe ne estas konataj. Por eviti ĉagrenigajn obstrukciojn precipe sur dense frekventitaj linioj, multaj fervojaj administracioj evoluis signalsistemojn, helpe de kiuj la stacioj kapablas preterpasigi trajnon ĉe perturbita ĉefsignalilo sen skriba ordono. Ĝuste tiu ĉi ĉapitro estas tre interesa. Pro tio mi intencas fine prezenti diverslandajn tiajn metodojn, almenaŭ la plej elstarajn. Ni komencu laŭ alfabeto.

**Aŭstrio:**

35 Sur gravaj linioj troviĝas ĉe la ĉefsignalilo kroma lumsignalilo. Kiam la trakciilestro rajtas preterpasi la perturbitan ĉefsignalilon, alterne eklumas du blankaj lumpunktoj, unu vertikale super la alia. Ili estas ŝaltataj jam dum la trajno alproksimiĝas al la signalilo. La trajno do ne bezonas halti, nur iom malrapide veturi. Se ekzistas respektiva kontakto, la substitu-signalilo aŭtomate post preterpaso de la trajno estingiĝas.

**Ĉeĥoslovakio:**

Tie ekzistas du metodoj, nome

3) „alvoksignalilo" ĉe mekanikaj signaliloj, kiu konsistas el tri blankaj lumpunktoj en formo de latina A, ĉe lumsignaliloj nur intermita blanka lumo, kaj

36 b) „alvoka mansignalilo", t.e. blanka diskotabulo kun nigra rando sur stango, kiun tenas fervojisto (nokte alterne flava/verda lumo per manlanterno).

La trajnoj rajtas preterpasi senhalte, sed daŭrigi kun nur 30 km/h.

**Danlando:**

37 Kaze ke sur dutrakaj linioj elvetur- aŭ bloksignalilo ne funkcias, oni uzas ruĝan intermit-lumon, kiu troviĝas en la signalil-ŝildo de la perturbita ĉefsignalilo. Antaŭ tiu ruĝe inter-
38 mitanta signallumo la trajno devas halti, sed tuj rajtas daŭrigi la veturadon singarde. Kiam temas pri envetursignalilo, oni montras sub la ĉefsignalilo blankan lumkrucon, kiu havas la saman signifon kiel la ruĝe intermitanta lumo de elvetursignalilo.

**Finnlando:** ne konas substitu-signalilon.

**Francio:**

Ĉi tie oni havas specialan sistemon nur sur la linioj kun aŭtomata bloko. Principe oni devas distingi ĉefsignalilojn de aliaj semaforoj. En haltiga pozicio ĉefsignalilo havas du ruĝajn lum-punktojn. Kiam perturbita, ĝi nur estas preterpasebla laŭ skriba ordonilo. Aliaj semaforoj, kiuj ĉefe estas uzataj kiel bloksignaliloj, havas nur unu ruĝan lumon kaj estas preterpaseblaj sen skriba ordonilo sub jenaj kondiĉoj: Kiam pro nenormalajoj la ruĝu lumo ne brilas, kutime brilas blanka lumo je la signalilmasto, tielnomata „okuleto".
Tion la kondukisto devas kontroli alproksimiĝante al la signalilo, kaj li rajtas singarde daŭrigi la veturadon. Sed se ankaŭ la „okuleto" estingiĝis, la trakciilestro devas atente observi, kiu litero aperas sur aparta tabuleto. La blankaj, dikaj literoj sur la nelumigitaj tabuletoj estas
39 bone ekkoneblaj el de la trakciilo eĉ dum malhelo. Kiam la kondukisto vidas literon „F", li scias, ke temas pri semaforo kiun li rajtas preterpasi kvazaŭ brilus la „okuleto". Kiam li
40 vidas la literojn „NF", li scias, ke temas pri ĉefsignalilo kun normale du ruĝaj lumoj, kaj li nur rajtas preterpasi laŭ skriba ordono.
En **Hungario kaj Nederlando** ne ekzistas substitu-signaliloj.

**Norvegio:**

Tie oni nur sur linioj kun neaŭtomata bloksistemo — do kontraŭe al Francio — aplikas substitu-signalilojn, nome tielnomatan „helpsignalilon". Ĝi montras verdan lumon sub la aliaj
41 kutimaj lumpunktoj, kiuj ja pro perturbo ne funkcias. Alia ebleco estas, venigi la trajnon en la stacion per mansignalo. Tio tamen nur estas permesata post telegrama informo de la trajnistaro jam en antaŭa stacio. La signalo konsistas el svingado de verda flago respektive nokte ĝi estas donata per verdluma lanterno.

**Svedio:**

Ne ekzistas substitu-signaliloj, kiuj povas montri „veturu". Oni aplikas lokomotivajn son-signalojn aŭ mansignalojn.

**Svislando:**

42 Ekzistas tielnomata „helpsignalilo", diagonala vico de kvin brunflavaj lumpunktoj. La trajn-ekspedanto ekfunkciigas ĝin nur post kiam la trajno haltas. Ĝi permesas singardan daŭrigon. Post preterpaso de la trajno la lumpunktoj aŭtomate estingiĝas.

**Germanio:**

43 La germanaj fervojoj instalis substitu-signalilon sur ĉiuj iom gravaj linioj, egale ĉu kun mekanika aŭ aŭtomata bloksistemo. Ĝi troviĝas sur la ĉefsignalila masto kaj montras tri blankajn lumpunktojn en formo de latina „A", simila al la alvoksignalilo en Ĉeĥoslovakio. La trajnekspedanto ŝaltas ĝin, kiam la trajno kun reduktita rapideco alproksimiĝas al la signalilo.

Ĉe staciaj signaliloj ĝi lumas 90 sekundojn kaj poste aŭtomate estingiĝas, egale ĉu trajno preterpasis aŭ ne, aŭ eble ankoraŭ estas preterpasanta. Se la trajnekspedanto tro frue ŝaltas la substitu-signalilon, povas okazi, ke ĝi estingiĝas antaŭ ol la trajno atingas ĝin. Ĉi-kaze la trajno devas halti, ĝis kiam oni denove ŝaltas la substitu-signalilon. Ĉe bloksignaliloj la tempolimigo je 90 sekundoj ne ekzistas, nur la trajno estingas la substitusignalon. Kompreneble se subite necesas, la trajnekspedanto havas la eblecon ĉiumomente malŝalti ĉiun substitu-signalilon. Ĉiu unuopa funkciigo de substitu-signalilo cetere estas aŭtomate registrata per komputilo, kaj poste devas esti notata en speciala libro pri neregulajoj kun indiko de la kialo.

## 7 Kelkaj specialajoj

Post tiuj ĝeneralaj komparoj estas konvene, ankoraŭ prezenti malmultajn specialajojn el unuopaj landoj.

### 7.1. Transdono de skriba ordonilo al veturanta trajno

Ŝajnas memkompreneble, ke trakciilestro devas haltigi sian trajnon por transpreni ordonilon.
44 Tamen eĉ ĉi-rilate ekzistas esceptoj, kiel pruvas la ekzemplo de Danlando. Tie oni havas
metodon por doni skriban ordonilon al moviĝanta trajno, kiu laŭplane traveturas la stacion.
Oni nome devigas tian trajnon malrapide veturi, liberigante la envetursignalilon lastmomente.
Dejoranto sur la kajo montras per flava lumo, kie la trakciilestro estu atenta. Ne tro rapide
la trajno alproksimiĝas. La dejoranto tenas en la mano specialan ilon en formo de arko, kiun
45 li alten levas, por ke la trakciilestro povu ŝovi sian brakon tra ĝi, tiamaniere tirante ĝin al si.
Je tiu arko estas fiksita la ordonilo, kiun nun la kondukisto legas, kaj se li ĉion bone kom-
prenas, senceremonie daŭrigas la veturadon. Alikaze li tuj devas halti. — Simile oni agas
46 en Finnlando.

### 7.2 Ordoniloj sur teleregataj linioj

En Nederlando oni instalis tielnomatajn „C.V.L.-regionojn" en la ĉirkaŭajoj de kelkaj gravaj fervojnodoj. En tiaj regionoj sur pli malpli longa linio ĉio funkcias elektre kaj aŭtomate, eĉ la barieroj. Ĉar en la stacioj mankas oficistoj respondecaj pri la sekurigo de trajnoj, oni rekte donas skribajn ordonilojn al la kondukistoj. Pro tio la linia tele-trajnekspedanto tra speciala „maŝinista telefonlinio" sciigas al la trakciilestroj informojn kaj ordonojn, kiuj samtempe estas konservataj sur sonbendo ĉe la tele-trajnekspedanto. La kondukisto skribas la ordonon en libreton, kiun li havas ĉe si.
47 Alia nederlanda interesajo estas ordonil-formularo, kiu estas uzata, kiam trajno devas veturi
sur kontraŭ-trako. Tiaj formularoj estas eldonitaj por difinitaj linio-sekcioj kaj prezentas la
necesajn kilometrajn indikojn kaj ĉiujn gravajn signalilojn, pontojn, disforkejojn ktp. en formo
de skemo. El ĝi la trakciilestro per unu rigardo ekkonas, kiujn apartajojn li survoje sur
kontraŭ-trako devas atenti, kie li rajtas traveturi, kie li devas halti aŭ telefoni, certe tre
agrabla helpilo.
Ankaŭ Svedio disponas pri teleregataj linioj kun seninterrompa telefono laŭlonge de la linio.
La tele-trajnekspedanto en kazo de perturbo rekte diktas ordoniltekston al la trakciilestro, kiu
havas ĉe si la necesan formularon. Post ripeto de la teksto ambaŭ interŝanĝas siajn nomojn.
48 En Germanio jam de 1952 oni teleregadas la 100 km longan dutrakan ĉeflinion Nürnberg-
Regensburg nur per la centra regadejo en Nürnberg. Nur unu persono, la tielnomata „linio-
trajnekspedanto" direktas kaj kontrolas la ruladon de ĉiuj trajnoj sur tiu linio per trakpanela
tabulo, kiu skeme prezentas la tutan linion kun 21 stacioj, 200 trakforkoj kaj 300 lumsignaliloj.
Ĉiuj ĉefsignaliloj havas laŭvican numeron kaj estas rekte ligitaj per telefono kun la linio-
trajnekspedanto en Nürnberg. Kiam ekestas nenormalajoj, la trajnestro simile kiel en Neder-
lando kaj Svedio anoncas sin telefone ĉe la linio-trajnekspedanto, indikante la numeron de
la loka signalilo kaj la numeron de sia trajno. La linio-trajnekspedanto diktas ĉiujn bezona-
tajn ordonojn al la trajnestroj, kiuj devas ripeti la tekstojn. La linio-trajnekspedanto se necese
ankaŭ funkciigas ĉiujn substitu-signalilojn. — Similan, sed ankoraŭ pli modernan metodon
oni nun aplikas sur la 80 km longa unutraka ĉeflinio Lübeck-Puttgarden, parto de la fama
„birdfluglinio".

## 8 Fino

Post rigardo de tiuj specialajoj ni finu nian promenadon tra la eŭropaj fervojoj kun la konstato, ke ĉiuj trafik-entreprenoj klopodas laŭforte venki la multflankajn malfacilajojn kaj obstaklojn, kiuj minacas la fervojan funkciadon. Kvankam la aplikataj rimedoj kaj metodoj vastaskale diferencas, ili tamen ĉie havas la saman celon, nome certigi la transportadon de pasaĝeroj kaj varoj, tage kaj nokte, somere kaj vintre, sub ĉiuspecaj kondiĉoj laŭ antaŭfiksitaj horaroj kaj en plena sekureco.

**Listo de la kunlaborantoj**

| | liveris instrukcian materialon: | liveris diapozitivojn: |
|---|---|---|
| Aŭstrio | Inĝ. Wilhelm Hermann | J. Geroldinger/J. Giessner |
| Ĉeĥoslovakio | Inĝ. Jaromir Rebiĉek/V. Hlávka | Miroslav Kotlas |
| Danlando | H. Hauge/Niels A. Antonsen | H. Hauge |
| Finnlando | N. G. Narvala | N. G. Narvala |
| Francio | Hubert Bernier | Hubert Bernier |
| Germanio | Joachim Giessner | Joachim Giessner/Gernot Rttterspach<br>W. Adrion |
| Hungario | D-ro István Bácskai | |
| Nederlando | W. L. van Leeuwen/ J. A. Hardeveld | J. A. Hardeveld |
| Norvegio | Per Johan Krogstie/Per Engen | Krogstie/Engen |
| Svedio | B. H. Bengtsson | B. H. Bengtsson |
| Svislando | Kurt Greutert | Kurt Greutert |

Prizorgis la kompletigan bildbroŝureton: Gernot Ritterspach.

# Fakprelegoj el la 19-a kongreso en Fulda

1. „Skribaj ordonoj al trajnoj kaj substituaj metodoj" kompleta esperantlingva teksto kun bildbroŝuro; la bildbroŝuro ankaŭ aparte mendebla;
2. „Metodoj de aŭtomata influo je trajnveturado" kompleta esperantlingva teksto kun grandformata bildo pri indiktiva trajninfluo.

Krome limigita nombro da kompletaj germanlingvaj tradukoj, ankaŭ malgranda kvanto da resumoj esperanta kaj germana estas ankoraŭ je dispono al interesitaj kolegoj, kiuj ricevos deziratajn tekstojn senpage de Willi Brandenburg, Hochbaubahnmeisterei, Münster (Wesf.), Schaumburgstrasse 13, 44 Münster (Germ.).

Bonvolu mendi aldonante respondkupono(j)n por afranko, aŭ validajn okc.-germ. poŝtmarkojn, aŭ — kie eblas ekspedi tiamaniere — adresitan dejorpoŝtan koverton.

## I.F.E.F. Budĝeto 1968a

**Enspezoj**

| | | |
|---|---|---|
| Landaj kotizoj | Hfl. | 6250,— |
| Izolaj membroj | „ | 10,— |
| Abonantoj | „ | 10,— |
| Rentumo 1967a | „ | 150,— |
| Vendotaj diskoj | „ | 10,— |
| | Hfl. | 6430,— |

**Elspezoj**

| | | |
|---|---|---|
| Preskostoj L.I.F. | Hfl. | 4700,— |
| Afrankkostoj L.I.F. | „ | 675,— |
| Korespondkostoj | „ | 140,— |
| Estrarkunvenoj | „ | 40,— |
| Vojaĝ-/reprezentkostoj | „ | 670,— |
| Kotizo U.E.A. | „ | 50,— |
| Subteno S.A.T. | „ | 15,— |
| Kontorbezonajoj | „ | 80,— |
| Telegram-/telefonkostoj | „ | 30,— |
| Eventualajoj | „ | 30,— |
| | Hfl. | 6430,— |

# Kunsido de la fakprelega komisiono (9. 5. 14 h)

Laŭprograme la komisionestro Giessner malfermis la kunsidon per la raporto pri siaj spertoj dum kompilado de la fakprelego „Skribaj ordonoj al trajnoj kaj substituaj metodoj." Por prezenti tiun interesan komparon en la 19-a kongreso necesis plurjara laboro. Kelkajn anticipajn interparolojn sekvis pluraj enketoj laŭ ĉiam novaj skemoj kaj multaj personaj leteroj. Kunlaborantaj restis fine kolegoj el 11 eŭropaj landoj. La sufiĉe ofta miskompreno en la korespondado pro fakterminoj evidentigis la urĝan bezonon de internacia fakterminaro. La kunlaboro de la terminara komisiono pruviĝis utila vojo por normigi la fervojistan faklingvon. Nova estas la aldono de bildbroŝuro, kliŝita elekto el la akompanantaj diapozitivoj, krom la kompleta teksto en esperanta kaj germana lingvoj kun ambaŭlingvaj resumoj. La filmo speciale sinkronigita kun esperantlingva teksto vive ilustras ripete kelkajn faktojn el la fakprelego.
La dua fakprelego „Metodoj de aŭtomata influo je trajnveturado" pritraktas ankaŭ la ĉeftemon „Sekurigado", sed el la vidpunkto de praktikata sekuriga tekniko. Agnoskita fakulo k-go Böhm, kiu ankaŭ en sia dejora sfero kompetentas pri ekipajoj de la aŭtomata sekurigo, konstruigis speciale por tiu ĉi prelego la atentindan model-instalajon, per kiu li demonstris la efikadon de induktiva trajninfluo. Ankaŭ pri ĝi oni al la skribaj tekstoj kaj resumoj donis la kliŝitan foton kun klarigoj. LIF represos kiel en antaŭaj jaroj la kompletajn prelegojn, kiuj per tio riĉigas nian fakliteraturon.
K-go Dolapĉiev, komisionano bulgara, ŝatus publici la kompletajn prelegojn en bulgaraj fakorganoj. K-go Simeonov sugestas proponi ilin al la „Bulletin de l'Association Internationale des Congrès des Chemins de Fer" en Bruselo, kiu aperigas fakartikolojn en angla, franca kaj germana lingvoj.
Pri la venontjaraj fakprelegaj preparoj k-go Dolapĉiev ankoraŭ ne povis sciigi por diskuto temojn kaj detalojn. Tamen en postkunsida kunveno la bulgaraj delegitoj kun la anstataŭanta komisionestro interkonsente limigis eblajn temojn kaj priparolis la gvidliniojn. La kunsido aklamis la ideojn de k-go Gimelli, kiu jam prezentis klaran koncepton koncerne komparajn prelegojn pri certa teknika temo okaze de la planita 22-a IFEF-kongreso. Ankaŭ por la 21-a jam troviĝis sperta franca kolego, kiu pretas transpreni la respondecon pri la tieaj fakprelegoj. Pri daŭro, prezentmaniero, kompilada procedo kaj ilustrado de la prelegoj la ĉeestantoj esprimis komunan opinion. Same oni interkonsentis, ke kvankam alta faka nivelo estas postulenda, la prelego ne tro detale pritraktu specifan temon, por interesi kiel eble plej grandan fervojistan — ankaŭ neesperantistan — publikon.
La kun la statuto jus eldonita kongresa regularo donas taŭgan administracian bazon por la organizado de fakprelegoj. Precipe atentinda estas la laŭstatuta kunlaboro kun la terminara komisiono, ĉar fakliteraturo, inkluzive fakprelegojn, kaj terminaro bezonas unu l'a alian por produktiva praktikado.
Ni konstatas do, ke nia faka organizo atingis konsiderinde altan nivelon per siaj fakprelegoj, ĉar ili ja reprezentas la esencon kaj eĉ motivigas la ekzistadon de nia federacio.

---

**La redakcio sincere dankas al gekolegoj Gössl, Geroldinger kaj Labordus pro liverado de fotoj.**

# Kunsido de la Terminara Komisiono

Mardon posttagmeze kunvenis 23 personoj el 12 landoj en la Blua Salono de la kongresejo. La stato pri la preparlaboroj por paralelaj eldonoj de Terminaretoj laŭ la modelo de GEFA estas jena:

en **Nederlando** la nacilingvaj tradukoj por la E-vortlisto de la Terminareto estas elserĉitaj el la UIC-leksikono kaj laŭpaĝe tajpitaj por kontrolado kaj posta publikigo sur aldonaj folioj de la landa organo.

En **Norvegio** pretas tajpita traduko esperanta-norvega de la unua provizora vortolisto starigita en 1963. La tradukoj estas komparitaj kun Svedio kaj jam transdonitaj al fervojfaka biblioteko kaj diversaj instancoj. Oni hezitas fari saman laboron denove pri la vortoj de la Terminareto, timante fari ion vanan. La fervoja administracio disponigis manuskripton de la norveglingva traduko oficiale farita pri la UIC-leksikono laŭ la franca lingvo, tio multe faciligos la estontan agadon.

**Finnlando** komplete fintradukis la vortoliston de la Terminareto en la finnan lingvon, sed la financa eblo por publikigi ankoraŭ ne ekzistas. Eventuale oni daŭrigos la aperigadon de fakterminoj en la Bulteno.

En **Danlando** oni laboras pri la tradukado sur slipoj, oni pretigis proksimume la duonon. La publikigo antaŭvideble okazos per multobligado laŭ sistemo „Rotprınt".

En **Francio** ĉiu priterminara laboro stagnis pro la persona sorto de sinjoro Blondeaux. Pri la planoj ne estas definitive decidite.

El **Hungario** ne venis rekta informo, ĉar neatendite d-ro Bácskai estis malhelpata ĉeesti la kongreson. S-ro Sekereŝ sciigis, ke laŭ lia informo la vortolisto jam estas preskaŭ tute tradukita, en malneta formo skribita. La esploroj pri publikigeblecoj daŭras.

En **Jugoslavio** oni volas triope trastudi la ekzistantan abundan tradukmaterialon el la „Jugoslavia Fervojisto", kiuj enhavas kodnumerojn laŭ la unua eldono de la UIC-leksikono. Post ŝanĝo de la kodnumeroj al tiuj de la dua eldono kaj post laŭalfabeta vicigo de la vortoj oni volas konstati, kio mankas, kaj nur tiam decidi, ĉu aperigi Terminareton aŭ ne.

Bedaŭrinde la tri landoj, Britio, Italio kaj Hispanio, kies lingvoj troviĝas en la UIC-leksikono (krom la franca, germana kaj nederlanda), montris nenian aktivecon tiurilate. Por **daŭrigi la terminaran laboron** montriĝis dezirinde enkonduki alian pli internacian agadmanieron, ĉar por unuopulo estas tre malfacile liberigi siajn pensojn de nacilingvaj katenoj, eĉ se oni scias plurajn lingvojn. Ĝis nun unu aŭ du membroj de la Terminara Komisiono „elkovis" la E-tradukojn, ĉiuj aliaj nur utiligis tiujn tradukojn por laboroj en siaj naciaj lingvoj. Trafan ekzemplon pri la neceseco de tiu ŝanĝo en la labormetodo donis s-ro Bipp el Svislando per la nocio „giĉeta halo — stacia halo."

El Ĉeĥoslovakio s-ro Piŝtora laŭtlegis leteron de s-ro Rebiĉek, kiu esprimas ĝojon kaj gratulon pro la nova aktiveco de la Terminara Komisiono.

S-ro Sekereŝ detaligis la labormetodon proponitan de li kune kun s-ro Bengtsson el Svedio.

Laŭ la nuna nombro de aktivaj kunlaborantoj en la Terminara Komisiono ĉiu devos traduki 700-800 terminojn el la tuta alfabeto, kiu estas disdividita inter 12 personoj. Ĉiu notas por sia terminkvanto la jam ekzistantajn tradukojn, skribas sian propran tradukproponon (kaj difinon, se necese) apuden kaj lasas unu kolonon libera por dua prilaboranto. Ĉiu tajpas de ĉiu paĝo 12 ekzemplerojn (kopiojn) kaj dissendas ilin al ĉiuj aliaj kunlaborantoj, kiuj siaflanke aŭ agnoskas la proponitan tradukon aŭ aldonas propran. Ĉiuj folioj fine kolektiĝas ĉe la gvidanto de la TK kiu tiumaniere ekscias la kontribuojn de ĉiuj 12 kunlaborantoj pri ĉiu termino. La proceduro certe estos longdaŭra sed ankaŭ fruktodona. Se ĉiuj kunlaborantoj sincere klopodis fidele apliki la leĝojn de vortfarado kaj laŭfake mem sufiĉe sciis resp. sin informis — tiam la decido ne povos esti malfacila.

La rezulto de tiu ĉi kunlaborado internacia estos — laŭ la ĝisnuna imago — la starigo de faktermina kartoteko, pri kies publikigo, multobligado aŭ alimaniera utiligo oni povos sin okupi, kiam post vico da jaroj ĝi ekzistos. Pro amplekso kaj pro manko de intereso ĝi certe ne estos disponigota al ĉiuj IFEF-membroj. Kiom malgranda estas la reala intereso pri fakterminoj inter nia membraro, tion klare montras la vendado de la GEFA-Terminareto inter germanoj, aŭstroj kaj svisoj; ni estu ĉiam konsciaj pri tio.

Fine la gvidanto de la TK atentigis, ke laŭ la nova statuto (art. 15a) estas tasko de la Komitato starigi komisionojn. Ĉar ĝis nun la TK nur ekzistis en tre loza formo, sed neniam estis oficiale starigita, li petas s-ron Sekereŝ por la ĵaŭda Plenkunsido tiucele konvenan mallongan tekston, pri kiu la Komitato voĉdonu.

Gernot Ritterspach

# Raporto pri la Junulara Kunveno

Marde, la 9an de majo 1967, 14.00 en ruĝa salono de Oranĝerio. Prezido: kol. Bernier, Parizo. Komenco: 14.30 (prokrasto pro vizito en DB-riparejo). Ĉeestantoj: 25.

Kol. H. Bernier malfermas la kunsidon, anstataŭante prez. d-ro Ferenczy kiu manke de pasporto aŭ vizo ne povas partopreni tiun kongreson.

Kol. Bernier laŭtlegas la raporton de d-ro Ferenczy, aperinta en LIF no. 2/1967, kiu estas akceptata. Li kompletigas kun mencio, ke junularaj kromkomitatanoj de IFEF estas f-ino G. Gössl (reelektita) kaj f-ino D. Hervoet, Francujo, anstataŭ la anoncita s-ro Latin.

La kunvenon salutas kaj mallonge raportas pri sia agado reprezentantoj el Aŭstrujo, Britujo, Bulgarujo, Francujo, Germanujo, Hispanujo, Jugoslavujo kaj Liberio (nefervojisto).

Pritrakto de laborplano ne okazas, pro nepartopreno de la prezidanto. Tiu tasko poste skribe aranĝiĝos.

En la libera diskutado kol. J. Geroldinger raportas pri la skisemajno en Krimml, kiu bonsukcesis en du serioj. Por 1968 estos ebleco ferii en la proksimeco de Innsbruck, sed plezure li proponas ekzameni eblecojn en Polujo aŭ Ĉehoslovakujo, aŭ flanke de la francaj membroj.

IFEF-vicprezidanto salutas la kunvenintojn nome de la estraro, deklaras ke kun plezuro li aŭdis la agadraportojn, konstatas ke por Fulda estis proponitaj pliaj aktivecoj, kiuj bedaŭrinde ne efektiviĝis. Li konstatas plie ke nun estas junulinoj en la IFEF-komitato kaj konsilas ke estonte ili tre aktive partoprenu ties kunsidojn.

W. Barnickel klarigas, kial la planita dimanĉa kunveno de nia junularo kun junular-organizo de Fulda ne efektiviĝis. Unue pro la nepartopreno de d-ro Ferenczy al tiu kongreso, due, ke pro belega vetero la estraro de la loka junular-organizo esprimis sin skeptika pri tiuflanka partoprenado. Pro tio finfine la aranĝo estis malanoncita. W. Barnickel esperas, ke almenaŭ la futballudo vendrede fariĝos ebla.

Ekestas diskutado pri aranĝo de proksima skiferio. La francaj kolegoj bone preparis sin por aranĝo en la regiono de Grenoble. Pro manko de informoj ne eblis funde diskuti pri aranĝo en Polujo aŭ Ĉehoslovakujo. En fina voĉdonado plimulto favoris aranĝon en Aŭstrujo anstataŭ Francujo kaj kol. J. Geroldinger estis petata transpreni la organizadon.

H. Bernier fermas la kunvenon kun invito al la IFEF-vicprezidanto volonte ricevi konsilojn por plibonigi la laboradon kaj per konstato, ke la skiferio ne estas ekskluziva aranĝo junulara, sed ankaŭ tre bonvenigas plimaljunajn membrojn (s-ro Blondeaux sentis sin tre bone ĉi-jare).

Fino je la 15.05 horo per prezentado de filmo pri Krimml 1967.

La raportanto: O. Walder

---

## Augsburg invitas al aŭtuna bavara Esperanto-renkontiĝo

kiu okazos la 2an kaj 3an de septembro 1967 en la salono de l' sindikata domo de Augsburg. La tielnomata Fugger - Urbo Augsburg vere indas viziton!

La programo de tiu renkontiĝo esperantista, kiu samtempe estos bavara ligotago, estos alloga kaj riĉenhava.

La Augsburgaj samideanoj faros ĉion, por agrabligi la restadon! Manĝajoj kaj trinkajoj estos haveblaj en la salono.

Petu aliĝilon ĉe: Horst Spirat, prezidanto de sudbavara Esperanto Ligo, 8 München 25, Attenkoferstr. 55.Aŭ ĉe: Hermann Schmid, prezidanto de l'Augsburga Esperanto-Grupo, Augsburg, 8901 Westheim, ĉe Augsburg, Seb. Kneippstr. 6, tel. Augsburg 482592.

## Du novaj Esperanto-stratoj

Dum la 19a kongreso de IFEF (6.-12.5.1967) estis inaŭguritaj du Esperanto-stratoj: unu en la kongresurbo Fulda kaj alia en la ekskursloko Hilders. La ceremonioj trovis vastan ehon en gazetaro kaj enloĝantaro.

Ni petas la legantojn sendi gratulojn al la sekvaj adresoj. Germanlingvanoj skribu nur en germana lingvo.

Stadtbaeamt, Stadtschloss, 64 Fulda, Germ.

Marktgeminde, 6414 Hilder, Rhön), Germ.

Germana Esp. Fervojista Asocio
Sekretariejo, Karlstr. 4 - 6
6 Frankfurt (Main), Germanio.

---

Pri la ĝemeligo de Augsburg kun la franca urbo Bourges, kaj la reciproka kontakto inter la esperantistoj de tiuj ĉi du urboj ni raportos en nia sekva numero de LIF, se eblas, kun ilustrajo.

# Ekskursa programo de nia 19a



*K-goj de Jong kaj Giessner savis la „honoron”*

Jam en antaŭaj numeroj de LIF varian ekskursprogramon promesis LKK kaj tio vere ne estis troigo. El la multaj vidindaĵoj ĉirkaŭ Fulda la palaco Fasanerie estis elektita por la unua ekskurseto. En bone elkalkulitaj intervaloj urbaj aŭtobusoj transportis la kongresanojn en kvaronhoro al la celo. Por ĉiu grupo esperantlingva gvidanto estis je dispono kaj kun plezuro kaj en pantofloj la anaro glitŝoviĝis tra la multaj palacaj ejoj. Oni admiris delikatajn porcelanaĵojn, artajn gobelenojn, belegajn lustrojn, grandajn pentraĵojn kaj precipe la ankaŭ el arkitektura vidpunkto elstaran ŝtuparhalon. Kiu post la gvidado estis laca povis refreŝiĝi en agrabla sunbrilo ĉe kafo kaj kuko sur subĉiela teraso je libera rigardo al anglastila parko.

Merkredon, la 10an de majo, specialtrajno atendis ĉe la stacidomo de Fulda kaj precize je la 7a13 ekveturis. La preskaŭ trihora veturado fulmrapide pasis, ĉar la ekskursa gvidanto, s-ro Lautenbach, per ne tro multaj, sed trafaj rimarkigoj klarigis la antaŭfenestran scenejon. Kiu nek emis babili nek aŭskulti la laŭtparolilan muzikon povis jam frumatene en speciala vagono dancadi. La kompatindaj komitatanoj dume kolektiĝis en la lasta — senlaŭtparolila! — vagono por fintrakti la tagordon de la lasta kunsido. Alveninte en Rothenburg ob der Tauber la direktoro de la trafikoficejo esperantlingve bonvenigis la internacian rondon sur la urbdoma placo. Li ankaŭ rakontis, ke dum la 30-jara milito post konkero de la urbo flanke de marŝalo Tilly la tiama urbestro Nusch savis la vivojn de la urba konsilantaro — jam kondamnitaj al morto — ĉar li sukcesis eltrinki seninterrompe la pli ol trilitran kruĉegon da vino. Nusch post tiu trinkado svenis, ne tiel niaj komitatanoj kaj kongresanoj, kiuj bonhumore imitis tiun scenon, ĉe kiu ankaŭ ne mankis la kelestro kun sia ĉarma filino, ambaŭ en historiaj kostumoj. Bela kaj multfotografita bildo estis ankaŭ la germanaj gvidantoj kaj trajnakompanantoj, kiuj prezentis sin en uniformoj de la Germana Federacia Fervojo. Iom poste la kongresanaro dividiĝis en grupoj por rigardi la plej gravajn kaj ĉefajn vidindaĵojn de la urbo. Tiuj gvidadoj same kiel individuaj promenadoj por la libera posttagmezo estis de LKK zorge preparitaj kaj surpapere disdonitaj, do ĉiu povis laŭplaĉe enprofundiĝi aŭ pri la ĉirkaŭurba defendgalerio kun pli ol 30 turoj, aŭ pri la preĝejoj — precipe St. Jakob kun altaro de Riemenschneider — aŭ pri la monaĥinejo kun urba muzeo. Nur tro rapide pasis la tempo en Rothenburg kaj multaj bedaŭroĝemoj laŭtiĝis, kiam je la 16a33 ni jam forlasis tiun belan urbon. (Du semajnojn poste la Ŝaho de Persio vizitis en kadro de kelktaga ŝtata invito ĝuste ankaŭ la urbon Rothenburg. La imperiestraj moŝtoj estis entuziasmigitaj pri tiu mezepoka unikaĵo, la diferenco estis nur, ke la esperantistoj havis sunbrilon,

*k-go Ritterspach, la kongresa tradukisto, funkcias en Hilders*



dum la eminenta paro devis uzi pluvombrelojn......)
La kongresanaro do komencis la reveturon kaj post proksimume ½ horo atingis Uffenheim, kie estis sufiĉe granda salonego por komune vespermanĝi kaj ĝui artan programon. Apartan gratulon ĉi-loke al sinjorino Anni Wiesmann, kiu per sia belsona sopranvoĉo vere ravis la aŭskultantaron kaj sukcesis transigi ĉiun en la mondon de klasika muziko. Per kelkaj kromarioj ŝi majstre forkaŝis la mankon de subite malsaniĝinta baritono. En la dua parto de la programo virina kvarteto sub ŝia gvidado aŭdigis germanajn popolkantojn kaj bonege aranĝitan kvodlibeton de konataj germanaj kanzonoj. Ĉion en Esperanto kompreneble. La plimulto de la tradukoj estis de s-ro Giessner, kies apartan talenton por tio montris ankaŭ la kanto-tekstoj dum la distra vespero la tagon poste.
Kiel entreprenemaj estis ankoraŭ la kongresanoj dum la reveturado al Fulda montris la fakto, ke la dancvagono ĝis lastsekunde estis plenplena; kaj nekompleta oni devus nomi tiun raporton, se oni forsilentus la fondigon de „Lifkaŭ"( La internacia frenezula kluba asocio uffenheima) flanke de fraŭlino Greta Gössl el Linz, Aŭstrio. Eraras tiu kiu kredas, ke nur gejunuloj povas esti „frenezaj", tiu tutklare montriĝas el la membrolisto de Lifkaŭ (aŭ-aŭ......).
Venis la lasta tago de la kongreso kaj kun ĝi la duontaga ekskurso tra la Rhön-montaro. LKK antaŭe avertis siajn gastojn, ke ili kunportu varmajn vestojn, ĉar laŭsperte sur la bazaltkeglaj montoj tie ĉiam blovas forta vento. Ĉe belega vetero oni engrimpis la atendantajn aŭtobusojn, kiuj precize je la 8a30 startis orienten al la montaro. La multvariaspekta Rhön prezentis sin en printempa vesto, kvazaŭ ĝi klopodus plaĉi al la kongresanaro kaj tion ĝi sendube ankaŭ sukcesis. Post unuhora veturado la plej alta monto, la Wasserkuppe (950 m), estis atingita kaj oni surprizite konstatis, ke Eolo eĉ

*Esperanto-strato en Hilders*






*Gidado tra Rothenburg*

retenis la ventojn (pro ni?) kio laŭdire nur unufoje dum kvar jaroj okazas en tiu regiono. Pro diversspecaj favoraj kondiĉoj la plata montosupro fariĝis centro de la germana glisaviado kaj ankaŭ ni povis tie admiri la sveltajn „birdojn" elegante ŝvebantaj, iomete sible susurantaj super niaj kapoj. La pli ol unuhoran restadon ĉiu laŭplaĉe povis pasigi, la plimulto decidis promeni kelkajn cent metrojn por atingi monumenton honore al la glisaviada sporto kaj de tie ĝui belan rondrigardon.
La sekvanta halto de la aŭtobusoj estis la urbeto Hilders, kie okazis inaŭguro de Esperanto-strato (la dua dum nia kongreso) proksime de la stacidomo en ĉeesto de la urbestro, kiu en la Internacia Lingvo esprimis la progreseman sintenon de la enloĝantoj ankaŭ rilate al Esperanto. Sekvis dankvortoj de s-ro de Jong kaj kiel kutime, la solena momento kiam la urbestro fortiris la verdan tukon de la stratŝildoj, estas multfotografita. Kontentaj sed malsataj oni post tiu ceremonio alstrebis la restoracion, kie nin esperantligve kaj bonhumore salutis la mastro en tipe kuirista kostumo. Je la 13a45 komenciĝis la reveturado, kiu preterkondukis Simmershausen kaj tie oni havis eblecon jeti rigardon al kaj trans la zonlimon inter la okcidenta kaj orienta partoj de Germanio. Jam fulmotondris, kiam ni denove eniris la aŭtobusojn kiuj nin reportis al Fulda por la kongresa fermo.

Elisabeth Ritterspach

# La gazetaro raportis pri nia kongreso



Antaŭ, dum kaj post la 19a IFEF-kongreso aperis amaso da gazetartikoloj kun multe da fotografaĵoj, plej ofte en la gazetaro de Fulda. Ĉi sube ni publikigas tradukitajn gravajn ekstraktaĵojn.

4/5.5

**Esperantistoj el 20 landoj kunvenos en mondkongreso**

En la kongresejo estos diskutataj en kelkaj laborkunsidoj problemoj de la faka klerigado kaj fakliteraturo. En fakprelegoj estos traktataj komplikaj temoj el la fervojaj funkci- kaj maŝinservoj, estos vizitataj instalaĵoj de la Germana Federacia Fervojo kaj estos videbla speciala ekspozicio. Por la lingva progreso okazos skribaj kaj buŝaj ekzamenoj. Distraj kaj turistaj aranĝaĵoj servos al kontaktoj kaj personaj kaj kun la loĝantaro kaj kun la gastlando. — Sekvas ekstrakto el la tuta programo. „En 1966 la germana landa asocio eldonis terminareton fervojan kun 2000 terminoj. En 1967 sekvis la traduko de la Internacia Konvencio pri la pasaĝer- kaj pakajtrafiko".

**Du Esperanto-stratoj estos inaŭgurataj**

Akompanata de bildo oni mencias la ekspozicion kaj ties titolon „Progresema fervojo — progresema lingvo", la akceptejon en la stacidomo, la specialan poŝtejon kaj ties poŝtstampon, la monŝanĝejon, la filateliajn kovertojn, la diservojn, la teatran vesperon, stratinaŭgurojn ktp.

6.5

**Dek milionoj parolas Esperanton**

Mencias la subskribkolektadon por UNO, kiu celas la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, kaj resumas la enhavon de la gazetarkonferenco de la antaŭa tago. Detale oni priskribas la specialan poŝtejon, ties celon kaj eblecojn.

**Anstataŭ lingva ĥaoso: Esperanto**

La barokurbo Fulda fariĝus nova 'lingva Babelo' en la 20a jarcento, se la 400 fervojistoj el 20 landoj, kiujn oni atendas, intencus paroli unuj kun la aliaj per siaj naciaj lingvoj. Sed ili volas venki la eŭropan lingvoĥaoson helpe de sia komuna lingvo Esperanto. Honore al la eksterlandaj gastoj flirtas la Eŭropa-flago de sur kastela turo kaj la flago de la Germana Esperanta Fervojista Asocio de sur la kastela balkono. Oni mencias la Esperanto-akademion, -filmojn, radioelsendajojn, la universalajn kongresojn kaj ties someran universitaton, la Internacian Esperanto-muzeon ktp.
Inter alie oni atendas multajn lernejajn klasojn, kiuj vizitos la ekspozicion en la Imperiestra salonego. Por la kongresanoj oni eldonis kongreslibron kun gravaj informoj pri Fulda kaj kun antaŭparoloj de la ĉefurbestro d-ro Dregger, de la heslanda Kulturministro kaj de la prezidanto de la fervoja direkcio Kassel, H. Kalb.
5 longaj artikoloj kun bildoj. Jen ili sekvas:

8.5

**Mondtrafiko postulas mondlingvon**

En iamaj tempoj, kiam vojaĝoj estis la privilegio de malmultaj, ne ekzistis la problemo de interkompreniĝo, ĉar al la elitoj unue la latina, poste la franca servis kiel mondlingvoj. Sed nuntempe mankas — konforme al la amastransportilo „fervojo" — solvo de la lingvaj malfacilaĵoj por la amasoj helpe de ĉien disvastigita mondlingvo. La festparolado de d-ro Bormann estas detale menciita.
En la granda salonego estis videbla prezentado de preskaŭ ĉiuj fervojistaj uniformoj el okcidenta kaj orienta Eŭropo.
Sekvas ampleksaj ekstraktoj el la salutparoladoj de la kongresprezidanto Giessner, de BSW-ĉefestraro d-ro Kühne, FISAIC-prezidanto d-ro Schlesser, vicprezidanto de la fervoja direkcio Kassel, direktorino de UEA Vermaas, IFEF-prezidanto de Jong, urbestro Gellings.

**Esperanto, paco kaj „laktovojo"**

detaletoj pri la kongreso kun bildoj pri plackoncerto kaj inaŭguro — intervjuoj dum dimanĉo, inter alie kun la aŭtoro de la teatraĵo, d-ro Wittlinger.
„Intertempe ankaŭ la du aktoroj estis venintaj, Michael Audibert kaj Joto el Parizo. Kaj, ĉar Wittlinger ne scipovis Esperanton, oni konversaciis per la „helplingvoj" germane kaj france."

**Reloj ligas la landojn — Esperanto la popolojn**

kun bonega resumo pri la parolado de d-ro Bormann kaj aliaj resumoj el la salutparoladoj de la inaŭguro.

**Internacia Lingvo ĉesigu la lingvan ĥaoson**

kun ĝenerala pritrakto de la historio de Esperanto.

**Interesajoj pri Esperanto**

kun 7 alineoj pri Esperanto-filmoj, -mono, akademio, muzeo ktp.

9.5

**Multaj klientoj ĉe la speciala poŝtoficejo en la oranĝerio.**

**Esperanto-marŝo dum la stratinaŭguro**

„Fervojistaj flagoj flirtis. La Esperanto-marŝo eksonis. Orbutonoj de fervojistaj uniformoj el 15 eŭropaj ŝtatoj brilis en la suno. Estis multkolora brilega bildo, kiam la Esperanto-strato estis inaŭgurita. Proksimume 1000 homoj, kongresanoj kaj enloĝantoj de Fulda kolektiĝis ĉirkaŭ la tie starigita pupitro. Super ĝi flirtis la verda Esperanto-flago."

**Prezidanto de Jong:**

„La kreinto de tiu lingvo neniam estas distingita per medaloj. Li estis modesta homo, kiu fordonis sian burĝan vivon kaj oferis siajn fortojn por donaci sian lingvon al la homaro. Tiel li kontribuis al la mondpaco."

**Urba konsilanto Nüchter:**

„Dum nia 20-jara okupado en Fulda jam multaj stratoj estas inaŭguritaj, sed neniam mi travivis tian entuziasmon kaj festan ĝojon."

**Vicdirektoro de l'riparejo, Spiess:**

„Mi esperas, ke ĝuste la junaj homoj sentos sin alparolataj de ĉi tiu simpla stratŝildo".

**Bildo kun la eŭropaj uniformoj**

Sub ĝi la vortoj: „Iliaj uniformoj estas diversaspektaj, sed ili ĉiuj parolas la saman lingvon!"

**Ĉefurbestro d-ro Dregger:**

„Estus granda progreso, se Esperanto fariĝus iam la ĉie komprenata mondlingvo. Ni ĉiuj estas konvinkitaj, ke ni devas interkompreniĝi trans la limojn de ŝtatoj kaj popoloj."

**Prezidanto de FISAIC, d-ro Schlesser,** dum bankedo:

„Kiam mi hodiaŭ vizitis la tombon de Sankta Bonifatius, mi preĝis, ke ĉi tiu amikeca renkontiĝo de fervojistoj el tuta Eŭropo fariĝu modelo por ĉiuj homoj, kiuj alstrebas la pacon. Per tiaj metodoj multaj problemoj estus solveblaj."

kaj **urba konsilanto Hillenbrand:**

„La urbo Fulda havas kaŭzon danki pro tio, ke ĝi rajtis fariĝi loko de tia renkontiĝo."

**„Ĉu vi konas la laktovojon?"**

raporto pri la teatra vespero kun bildo, krome longa intervjuo kun la aŭtoro.

10.5

**La kongreso dancis**

„Eĉ la kutimaj dancad-konversacioj laŭpruve okazis en Esperanto!"

**Kiel sub fulmotondra pluvego la varvagonoj estas ŝprucataj**

detala raporto pri la vizito de estraro/komitato en la riparejo.

11.5

**Goethe, Schiller kaj Struwwelpeter *) aperis en Esperanto**

Germana antologio en preparo. Raportoj pri Esperanto-literaturo, -filmoj, akcepto en la riparejo, vizito en kastelo Adolphseck (Fasanerie) kaj fakprelego.

**Riparejo direktoro Engelhardt:**

„Tiu vizito estas kulmina punkto en la centjara historio de la riparejo."

**Fakaj kontaktoj kun fervojistoj**

Raporto pri literaturo, mono, instruado kaj kongresprogramo.

**Trafikdirektoro Bernhard parolis Esperanton**

2 raportoj kun bildoj pri la vizito en Rothenburg kaj la akcepto sur la centra placo.

13.5

**Esperanto-himno lastfoje en la Oranĝerio**

Raporto pri la ekskurso al la Rhön-montaro kun ĉiuj survojaj programeroj.

**Urbestro de Hilders, Kimpel:**

„Mi esperas, ke tiu ŝildo ne nur restos eksterajo, sed ke per ĝi la lingvo Esperanto akiros novajn amikojn."

---

*) „Struwwelpeter" estas vaste konata germana infana bildlibro kun poemoj.

# La U.K. en Rotterdam anstataŭ Tel-Aviv

Pro la tragika evoluo de la eventoj en la Meza Oriento, la Estraro de UEA unuanime konstatis, ke la 52-a Universala Kongreso de Esperanto bedaŭrinde ne povos okazi en Tel Aviv. Kvankam LKK volus atendi la okazajojn ev. ĝis lasta momento, la Estraro opinias, ke ĝi ne povas preni respondecon pri tio.
En la nova situacio la Estraro decidis per telefona kaj telegrama voĉdono, post interkonsiliĝo kun la Direktorino de la C.O., ke la 52-a Universala Kongreso okazu en Rotterdam de la 2-a ĝis la 9-a de aŭgusto 1967, do en la samaj tagoj, kiuj estis antaŭviditaj por Tel-Aviv. La programo, fiksitaj tagordoj, diversaj kulturaj kaj distraj aranĝoj estos esence la samaj, sed verŝajne eĉ novaj eroj estos aldonitaj. La Kongreso okazos en la perfekte taŭgaj luksaj salonoj de la jus konstruita Koncert- kaj Kongrespalaco De Doelen. La urbaj aŭtoritatoj kaj la turisma servo de Rotterdam donos plenan helpon.
Pro la eksterordinaraj cirkonstancoj, la Kongreso estos organizita rekte de UEA konforme al la art. 4, lasta alineo, de la Kongresa Regularo. Pro la sama kaŭzo la Estraro decidis escepte longigi la aliĝperiodon ĝis la 15-a de julio laŭ la favoraj kotizoj, validaj fakte nur ĝis la 31-a de marto. Do, por membro-abonanto de UEA: 57,— gld., por nemembro 77.— gld. Tiuj kiuj, aliĝintaj post 31.3.1967 jam pagis la pli altan kotizon, ricevos la diferencon en sia kredito. Ĉiujn detalojn en ligo kun la ŝanĝo de la kongresurbo komunikos la C.O. de UEA en Rotterdam.
La personoj, kiuj pro kiu ajn kaŭzo ne povas ĉeesti la Kongreson, povas tamen helpi per aliĝo laŭ la normala kotizo, aŭ almenaŭ per la t.n. simbola aliĝo, por kiu la kotizo estas nur 25 gld.

★

**Komuniko de la Centra Oficejo**

Ĉiuj mendoj kaj pagoj por la 52-a Universala Kongreso de Esperanto restas validaj. Loĝado, ekskursoj, bankedo estos aranĝitaj laŭ la mendoj. La prezoj estos la samaj aŭ iom pli favoraj. Belega tuttaga ekskurso tra sufiĉe nekonata regiono estas preparata. Ĉiuj aliĝintoj ricevos apartan informon.

M. H. Vermaaas, Direktorino C.O.

---

**Rhönkanto en Esperanto**

Eĉ ĉe Peter Frankenfeld aŭ Lou van Burg (famkonataj germanaj anoncistoj en radio kaj televido) tio ne okazis: dulingve, en Esperanto kaj germane, Fritz Lautenbach (LKK) gvidis tra la programo de la Distra Vespero. „Nekontestebla favoratino de la publiko tuj fariĝis Marianne Braun, kiu kantis plurajn modkantojn, kompreneble en Esperanto".

**„Iun tagon atingi nian celon . . ."**

Sindikato invitis esperantistojn.
Clemens Ruppl: „Ankaŭ ni estas konvinkitaj, ke Esperanto en tiu daŭre malvastiĝanta mondo estas bona rimedo, konservi la pacon." Günther Kern: „Ĉiu ajn streĉado servu al la celo, „esti homo en libereco". — „Vi kontribuas al tiu celo pere de via lingvo, ni faras tion pere de nia supernaciaj sindikataj ligoj. Bonvolu hejme rakonti, se plaĉis al vi ĉi tie. Bonvolu diri, ke la Federacia Respubliko estas pli bona, ol oni ofte prezentas ĝin en la orientaj landoj. Mi persone deziras, ke vi post la kongreso povos diri: En Germanio ekzistas afablaj homoj".
Nederlandano spontanee respondis: „Tion mi certe jam nun povas jesi ankaŭ nome de miaj amikoj".

**Esperanto-strato kondukas al la stacio**

plura raporto kun bildo pri la stratinaŭguro en Hilders kaj la tuta Rhönekskurso.

Tradukis kaj kompilis, Giessner.

---

## Nekrologo



Kun malĝojo en la koro ni informas nian membraron pri la forpaso de nia amiko WILHELM ZÖLLNER, kiu bedaŭrinde mortis dum nia lasta IFEF-kongreso la 8an de majo 1967 en Fulda en la aĝo de 61 jaroj. Li estis longjara membro de la Esperanto-grupo Osnabrück. Wilhelm Zöllner gajnis multajn amikojn pro sia afableco. Entute vizitis nia mortinta amiko 15 Esperanto-kongresojn. Ni forgesos lin neniam.

Germana Esperanta Fervojista Asocio
Estraro.

# Trako-Impulsa Funkcio

**Unu-persona funkciulo por la trajnoj sur la Viktoria-Linio.**

Londona Transporto diras ke ĉar aŭtomata trajn-funkciado estos uzata sur la Viktoria-Linio, tial estos kelkaj normalaj kolor-signaloj, kiuj sur normala subtera elektro-fervojo funkcias kiel punktoj de videbla atentigilo por konduktoroj.
Dum ilia foresto la novajn trajnojn oni ekipos per lokomotiv-lanternoj, kiuj lumigas tunelon ioman distancon antaŭen, donante videblan rilaton inter la movo de la trajno kaj ĝia ĉirkaŭo.
Unu nekutima ero en la konduktejo estas avert-lumo por daŭrigo de la veturado en okazo de bezono. Se trajno kun du dejorantoj difektiĝas kaj devas esti antaŭ-puŝata per la sekvanta trajno, la konduktoro estas atentigata tiel, ke la gardisto de la malkapabligita trajno svingas blankan lumon por montri, ke li deziras helpon.
Ĉar la trajnoj de la Viktoria-Linio havos nur unu dejoranton ĉi tiu procedo ne eblas. Por venki la malfacilajon avertlumo estas instalata ekster ĉiu konduktejo. Ĝi povas esti komutata el la konduktejo, la lumo el la kondukanta fino de la trajno aganta kiel ripetilo montras al la kondukisto ke la malantaŭa lumo funkcias akurate.
Oni intencas ankaŭ ebligi al la funkciuloj de la trajnoj reciprokan interparolon per radio aŭ indukta konekto antaŭ kupligo, tiel ke la dejoranto en la sekvanta trajno povas esti informata pri la difekto-speco en la antaŭa trajno.
Per tio oni evitas la riskon ke la elektra difekto estu senintence transigota el la senkapablikita trajno al la malantaŭa kiam la kuploj kontaktiĝas.
Ankaŭ en la konduktejo, tuj malantaŭ kaj super la kondukisto estas kombina trajntelefono de konduktoj' al konduktejo kaj portilo de telefon-unuo, kiu estas disvolvata por ebligi al la kondukisto kontaktigi ĉiutempe eĉ tiam, kiam la trajno moviĝas.

**Plano, modelo**

La nova veturilaro sur la Viktoria-Linio estos senkolora aluminio kun rondaj vento-ŝirmiloj al la veturigista konduktejo kaj kun duoble vitritaj fenestroj en la pasaĝersekcio.
La trajno, okvagona, estos ekipata por aŭtomata funkciado per impulsoj kolektitaj de la trako kaj havos unu-personan dejoranton nomata trajnfunkciulo, kiu en normalaj servkondiĉoj malfermas kaj fermas la pordojn kaj premas ekmovigajn butonojn, kiam li forlasas la staciojn.
La vagonoj havas ankaŭ reostatan bremsadon, kiu estas la unua grandskala uzo de elektra rezist-bremsado fare de la Londona Transporto.
Metropolitan Cammell konstruas la ĉefpartojn kaj blokveturilojn de la nova veturilaro sub kontrakto je valoro de £ 2.250.000. Mendoj por motoroj, pordoj kaj alia ekipaĵo, inkluzive de tiu bezonata por aŭtomata trajnfunkciado, estas aparte lokigitaj.

Tradukita de la „Railway Review", 23-a aprilo 1965.

Frank M. Easton, Birmingham, Anglio.

---

## La lasta vaporlokomotivo de la Belgaj Fervojoj

La omnibuso 8155 Ath-Denderleeuw de la 20-a de decembro 1966 estis la lasta trajno, kiu sur la reto de la Belgaj Fervojoj estis tirata de vaporlokomotivo.
Rilatas ĉi tie la lokomotivon no. 29.013 apartenanta al serio de 220 kanadaj kaj 81 usonaj lokomotivoj, kiuj en 1945 estis aĉetitaj por ke la trajntrafiko sur nia reto, kiu dum la milito, grandparte estis detruita, normaliĝu tiel rapide kiel eble.
La 29.013 veturis de tiu tempo pli ol milionon da kilometroj. Ĝi apartenas al la tipo 29 por miksa trafiko, kun adespezo de 78 T kaj entuta pezo de 150 T (veturpreta).
Ĝi tiras sur ebenaj linioj, ŝarĝvagonarojn aŭ pasaĝertrajnojn kun maksimuma ŝarĝo de 600 T. kaj atingas la rapidecon de 96 km/h. Dum la lasta vojaĝo, la trajno havis du specialajn vagonojn, en kiuj sidis la plej altaj estroj: la ministro de trafiko, la ĝenerala direktoro, parlamentanoj, urbestroj kaj aliajn. La malapero de la vaporlokomotivo signifas nova paŝo en la modernigo de nia fervojreto.

La nova parko de trakciaj veturiloj de la Belgaj Fervojoj en la estonteco ekzistos nur el elektraj kaj dizelaj veturiloj kaj ĝi nuntempe ekzistas el sekvontaj 1480 unuoj:

1. Elektra trakcio: 199 lokomotivoj kaj 308 elektraj duvagontrajnoj.
2. Dizela trakcio: 486 liniolokomotivoj, 334 manovrolokomotivoj, 60 lokotraktoroj kaj 93 motorvagonoj.

Laŭ la totalaj trajektoj de ĉiuj specoj de veturiloj, la parto de la elektra trakcio estas po 55% kaj tiu de la dizeltrakcio estas po 45%.

R. Steenhout, Ninove

# 4a Internacia Kongreso Brugge

**22 - 23 - 24 de septembro**

**Provizora kongresa programo**

Vendredo 23.9:

10.00-12.00 h: Malfermo de akceptejo. Vizito en la urbo.
14.00-18.00 h: Boatekskursoj sur la urbaj kanaletoj.
20.00 h: Interfratiĝo.

Sabato 24.9:

11.00-11.30 h: Vizitoj al muzeoj kaj lokaj vidindaĵoj.
11.30-12.00 h: Akcepto ĉe la urb- kaj provincestraro.
14.30-17.00 h: a) Kongreso.
b) Vizitoj por edzinoj.

Dimanĉo 25.9:

10.00-12.00 h: Vizitoj al la fervojaj haveninstalaĵoj.
12.00-13.00 h: Bankedo.
14.00-20.00 h: Komuna marborda ekskurso.

**Provizora antaŭkongreso:**

Bruselo, 20-21 de septembro 1967.
Akcepto kaj vizitoj al artaj fakaj kaj prahistoriaj vidindaĵoj en la Eŭropa ĉefubro.

**Provizora postkongreso:**

Bruselo, 25-16 de septembro 1967.
Akcepto kaj vizitoj turistaj, historiaj kaj natursciencaj en la brusela ĉirkaŭaĵo, kiel i.a. Waterloo kaj Gaasbeek.

**Kiu rajtas partopreni?**

La staciestroj kaj kandidatstaciestroj deĵorantaj en tuta Europo.

**Lingvosistemo:**

Ĉiu parolas en sia nacia lingvo, aŭ rekte en la traduklingvoj franca aŭ germana, kaj ek de ĉi tiu jaro ankaŭ en Esperanto.

**Pluaj informpetoj**

estu direktataj al S-ro Sinaeve, staciestro Brugge.

Por la Esperanto organizado:

S-ro L. de Bruyne,
Staciestro Linkebeek.

S-ro N. van Sepybroek,
Substaciestro Brugge.

## Korespondpetoj

**S-ro H. G. Beverloo, H. Polakstraat 174 (Crabbehof), Dordrecht, Nederlando,** 34-jara ĉefkonduktoro, edziĝinta, serĉas koresp. kun kolegoj en Germanio, Norvegio kaj Svedio.

**F-ino Ma. José Moran, Camino de Tranco, 9 - 2° - izq, Bilbao, Hispanio,** dez. kor. kun gefraŭloj 19-23 jaraj, por praktiki Esperanton.

**S-ino Desmeth, 39 rue Seconde Reine, Bruxelles 18, Belgio,** dez. interŝ. poŝtmarkojn pri Esp. kongresoj.

**S-ro Fridrich Zöld, ul. Vystavby 1, Košice, Ĉehoslovakio,** 30-j. teknikisto, dez. tum. leterkontakton. Kolektas kaj interŝ. esperantaĵojn, p.markojn, etikedojn de biero kaj alumetoj, insignojn, emblemojn.

**Fervojista Fakgrupo de la Hungara Esp. Asocio „M.A.V." en Kiskunhalas, Hungario,** dez. kontaktojn grupajn kaj personajn kun ĉiu lando, interŝ. bildkartojn, esperantaĵojn, revuojn, k.t.p. Ĉiu skribinto ricevos respondon.

## Fotoj de nia 19a Kongreso en Fulda

**ankoraŭ estas haveblaj. Gekongresanoj kaj aliaj interesuloj povas mendi ĉe k-go Fritz Lautenbach, D-64 Fulda, Abtstor 21; kun indiko de motivo kaj formato. La prezo estas 7,5 × 10,5 cm (0,30 GM), poŝtkarto (0,80 GM), 13 × 18 cm (1,50 GM), 18 × 24 cm (2,00 GM); + sendkostoj.**
**Oni pagu al poŝtĉekkonto 1365.77 Frankfurt (Main) de k-go Lautenbach. Gekolegoj, kiuj ne kapablas ĝiri la monon, ankaŭ povas pagi dum nia 20a kongreso en Varna.**

**★ Landaj asocioj atentu la ĝeneralan regularon al 10. Kaj pagu kiel eble plej baldaŭ vian kotizon!**

# Modernigado de la rumanaj fervojoj

Se oni vojaĝas pertrajne en Rumanio, — okulfrapas tuj unu afero — la trajnoj ĉi tie plej parte veturadas sen malfruiĝoj.
Preciztempe la trajnoj foriras de la komencaj stacioj kaj preskaŭ ĉiuj minutprecize aliras la celstaciojn.
Tamen kreskis amplekso de la transportitaj varoj kompare al tiu de la antaŭmilita nivelo kvinoble, nombro de la pasaĝeroj triobliĝis kaj intenseco de la fervojtransporto atingas nuntempe sur la ĉefaj linioj nivelon de la ekonomie plej progresintaj landoj.
Pri la bonaj sukcesoj de la fervoja trafiko havas meriton la modernigado de multaj linioj kiu jam dum multaj jaroj en Rumanio efektiviĝas.
Ek de la jaro 1962 fabrikas la rumana maŝinindustrio laŭ licenco de svislandaj firmoj Schulzer kaj Brown-Bower la bonkvalitajn dizelelektrajn lokomotivojn havantaj efikkapablon de 2100 ĉev. kiuj jam nun plenumas 50% de la tuta fervojtrafiko.
Kaj nun komenciĝis en licenco de svedlanda firmo ASEA fabrikado de fortikaj elektraj lokomotivoj (6300 ĉevalfortoj) kiuj transprenos trafikon sur la nove elektrifikitaj trajnlinioj inter Bukuresto—Braŝovo kaj inter Craiovo kaj Timisoara.
Ĝis la j. 1970 transprenos laŭplane la dizelelektraj kaj elektraj lokomotivoj 80% de la tutlanda fervoja trafiko.
La vagonfabriko en Arad fabrikas por la rumanaj fervojoj modernajn personajn kaj grandkapacitajn ŝarĝvagonojn, speciale por la altaj rapidecoj.
Ĉefajn liniojn oni rekonstruas kaj ekipas per modernaj signalsekurec-instalajoj, nome inter Braŝovo kaj Bukuresto kaj inter stacioj Graiovo kaj Timisoara oni rapide elektrifikiĝas la liniojn.
Por modernigado de la fervoja trafiko oni disponas en ĉi tiu kvinjarplano en Rumanio duoble pli da investajoj ol dum la antaŭaj kvinjarplanoj.
Por ke plirapidiĝu la vagoncirkulado, oni disvastigas la vartransporton en la kontenenoj; oni nome aplikadas la t.n. optimalizadon, t.e. agadmetodon de la direktado de varoj, kiu malebligas vanan transportadon de varoj tien kaj reen.

El „Rudé právo" Zdenek Knezek
esperantigis Ruzička - Dečín.

---

## Estu memora abonanto de monata gazeto „El Popola Ĉinio"

La dumonata gazeto „El Popola Ĉinio" ekde 1967 aperas monate. La Libroservo de ĈEL nun komencis disvolvi specialan varbadan kampanjon, kiu daŭras ĝis 31.7.1967. Ĉiu, kiu abonas EPĈ en tiu periodo, ĝuas favoran abonprezon kaj povas ricevi memorajon — Esperantan Notlibron. Jarabono: £ 0-5-0 (validas ĝis 31.7.1967). La koncernan faldfolion kaj provspecimenon de EPĈ oni povas peti senpage de ĝiaj diverslandaj perantoj aŭ rekte de la Libroservo de ĈEL, P.O. Kesto 313, Pekino, Ĉinio.

---

## El la landaj asocioj

La Hungara Sekcio de Internacia Fervojista Esperanto Federacio dum sia jarkunveno unutone decidis, ke la fervojistan klubon, funkciantan en Budapest, nomas pri nia karmemora Paĉjo. Ĝia adreso estas: Fervojista Esperanto Klubo Baghy Gyula, Budapest, VI., Benczur utca 41. Kunvenoj kun programo: ĉiun jaŭdon de la 17.00 ĝis la 20.00a horo.

---

**La reloj ligas la landojn, Esperanto — la popolojn**

En Wroclaw — ĉefurbo de Malsupra Silezio kaj grava fervoja centro, kie kruciĝas internacia fervojaj trakoj: Warszawa-Frankfurt/M kaj Warszawa-Praha fondiĝis Fervojista Esperanto-Rondo ĉe la Regiona Direkcio de Ŝtataj Fervojoj. La Rondo havas 45 membrojn. Prezidanto de la Rondo estas S-ano Stefan Stankiewicz. Adreso: Fervojista Esperanto-Rondo, DOKP, Wroclaw, str. Joanitów 13, Pollando.

---

## Solvo de la kotiza problemo kun Aŭstrio

**La Komitato de IFEF decidis, ke la ŝuldo, kiun AFEF teorie havas ĉe IFEF — pro neinformado pri la ĝusta, grave reduktita membronombro ne devas transiri al la novelektita estraro.**

# Poemeto

**deklamita dum la stratinaŭguro de „Esperanto-strato" en Fulda la 8-an de majo 1967 okaze de la 19-a IFEF-kongreso**




Kelkcentoj da homoj ni ĝoje ĉeestas,
vojaĝis ĉi tien el sudo kaj nord',
el montoj, ebenoj, de l'mara la bord',
komune, solene hodiaŭ ni festas.

Ja antaŭ nelonge finfine konsentis
en plena kunsido la urb-magistrat',
novdoni la nomon al tiu ĉi strat',
gravecon de nia kongreso akcentis.

Jam antaŭ ok jaroj atingi la celon
la Fulda-societo klopodis laŭ fort',
ne venis respondo, eĉ ne unu vort',
do, ili jam sentis fornaĝi la felon.

Denova skribaĵo post paso de jaro —
kaj oni aldonis el tuta la mond'
cent-tridek stratnomojn en senfina ond' —
sed tamen ne volis moviĝi la ĉaro.

Kaj poste legiĝis en Fulda-gazeto;
nomiĝu do laŭ Esperanto la strat' —
kaj nun ekfunkciis de l'urbo la drat',
letere alvenis estont-promeseto.

Jen skribis la urb', ke l' afer' Esperanto
ja nepre meritas pro sia gravec',
ke straton ni trovos konvenan laŭ dec',
kaj ne prenos vojon ĉe l'urba la rando.

Post jaroj ni ekpreparadis kongreson
kaj ree atakis kun granda fervor'
la urbon — profunde esperis en kor'
ke ili plenumos nun sian promeson.



Kaj fakte la urbo elektis la straton.
Favore, bonŝance montriĝis la sort',
post nelonga tempo aŭdiĝis la vort'
pro kiu ni dankas la urb-magistraton.

Dum tago kaj nokto jen pasas kelkmiloj,
la nom' „Esperanto" ĉe l'strata komenc'
klarigas al ili pri l' mondlingva senc',
pri interkompreno trans ĉiuj bariloj.

Famiĝos la strato en ĉiu ajn lando —
la strato de Fulda fervoj-riparej',
ĉar portos estonte la Fulda-poŝtej'
leterojn senditajn al strat'-Esperanto.

Al siaj stratnomoj laŭ alttradicioj
aldonis la urbo distingon de hom',
per kies laboro kaj per kies nom'
kreiĝis valoro por generacioj.

Do, estu de l'nobla ideo la nomo —
por ĉiuj la homoj admona vokad',
instigu ĝi ilin al sama agad'
je l'beno de l'mondo kaj ĉiu ajn homo.

Al bona estonto l'afero nun iru,
fariĝu mejlŝtono hodiaŭ la dat'!
Tutkore ni dankas al urba senat'! —
De l'stratŝild' la tukon solene fortiru!

Originale en Esperanto verkis
Joachim Giessner, Elze (Han)



Esperanto Presejo, Hardinxveld